okazis ne malofte en alies verkoj en kiuj oni citis la robaiojn nur refutocele kaj malkaŝante - sia-interprete - "blasfemojn" de Kajjam. Aliflanke en tiu epoko tiuj kiuj volis esprimi siajn danĝerajn ideojn, ekutiligis robai-formon, kaj publikigis siajn poemojn je la pseŭdonimo "Kajjam"! Tiel ekkreskis la nombro de "Kajjamaj" robaioj jam longe post la forpaso de la poeto!

## Kajjam kaj Ĝalali

La plej simila karakterizaĵo de poemoj de Ĝalali kun tiuj de Kajjam estas la esenco de liaj poemoj kaj la filozofio aŭ mondorigardo reganta ilin. Ambaŭ ili pleje mensokupiĝis pri esti kaj ne esti, ĉar atento-fokuso de ili du ĉefe estis kial kaj/aŭ kiel:

•ni venis en tiun ĉi mondon?
•ni vivu en la mondo?
•ni foriros el la mondo?

Kiel ekzemplojn ni atentu la jenajn versojn de ili ĉi-terene:

Ĉi-prie, Kajjam robaie diras:

***Se veno mia dependus de mi, ne alvenus mi***
***Kaj ankaŭ se iro dependus de mi, ne irus mi***
***Nenio pli bonus ol tio ke ĉi detru-templon***[15]
***Nek alvenus mi, nek elirus mi, nek enestus mi***[16]

Dum, Ĝalali blankpoeme eldiras la saman aŭ tre similan esencon eĉ pli koncize – kaj eble plej koncize - jene:

LR: 62
***Ni ne venis***
***Propravole***
***Ke ni foriru***
***Propravole***[17]

La materialo, terminologio aŭ mortero de Kajjamaj pensoj estas aŭ la religia terminaro (tiu de Islamo), aŭ astronomiaj faktoj aŭ matematikaj principoj, ĉar respektive li vivis dum islama periodo, li estis fama astrologo (i.a. li elpensis novan kalendaron fama je Ĝalalia Kalendaro – hazarde samnoma kun Biĵan Ĝalali!) kaj li estis iniciatinto de diversaj temoj en algebro kaj geometrio. Sed la Ĝalalian mondon oni trovas pli sekulareca; lian lingvaĵon pleje konsistigas la ĉiutage uzataj vortoj. Liaj plejdirataj vortoj estas: mondo, vivo, morto, poemo, plantoj (precipe arbo) kaj bestoj (ĉefe liaj hundoj kaj katoj). Tamen tre ironie, kaj pri Kajjam multaj kredas sekularismon, kaj en poemoj de Ĝalali oni multe renkontiĝas kun dio. Kiel ekzemplo, Kajjam versas:

***Printemp' kaj am-idolo, kiu huriojn spitas,***
***kaj ĉe herbeja rando min al vinkruĉ' invitas:***
***nu, estu mi – ne gravas orelojn malrespekti –***
***de hundo malŝatata, se mi Edenon citas!***[18]

***Ne scias mi, ĉu mia Farint' antaŭmedite***
***min al Eden' destinis aŭ al Infero: kvite!***
***Manĝeto, am-idolo kaj vin' sur verda herbo,***
***jen tri, kontante: via Eden' estas kredite!***[19]

Kaj Ĝalali poemas:

LMB: 406
***Iam dioj diros***
***Estis granda ŝerco***
***Ke ekzistis iu mondo***
***Kaj ni estis ties dioj***

LR: 72/1
***Mia amatino apartenas al mi***
***Tiun ĉi fojon***
***Sed alian fojon***
***Dio scias***

Krom kadre de la supre menciitaj kategorioj okopaj, Ĝalali pripoemis ankaŭ aliajn temojn, eble pleje pri poemo mem (LMB: 426, 449, LV: 101, 130, 138, 245, ...). Fakte li aranĝis tutan libron el siaj elektitaj poemoj pri la poemo, kiu eldoniĝis en 1998 kun la titolo: Pri la Poemo. Li tiel alte, kaj tiom eternan, taksas la pozicion de la poetoj:

LMB: 474
***Pasintaj poetoj***
***Ĉiuj vivantas***
***Ili estas kiel steloj***
***Kiuj kvankam estingiĝintaj***
***Povas ankoraŭ post jarcentoj***
***Lumigi nian vastan ĉielon***

Inter aliaj de li ŝatataj temoj estas naturamo (LMB: 433/2, 449; LV: 292/2, ...) kaj bestamo (LMB: 198, 471, 527; LV: 192, 216, 227, 267/1, ...).

Eblege la Hedajata efiko, kion Ĝalali provis

eleskapi, estas la konata mallumo kaj pesimismo reganta atmosferon de multaj verkoj far Hedajat – i.a. kaj eble plejdense, en La Blinda Strigo.

Kompreneble Ĝalali estis nur certagrade sukcesa en sia foriĝo de Hedajata efiko; Biĵan kvankam multe pensis kaj poemis pri morto, sed tion ne malofte faris neŭtraltone – se ne bontone:

LMB: 129

***Oni devas mortopreti***
***Ĝuste tiel kiel ni***
***Venante al malsupro***
***Prenas nian piedon***
***De la supra ŝtupo***
***Sur l' ŝtupon malsupran***

LMB: 220

***Gustumi la morton***
***Plaĉas kiam***
***La vivo***
***Amaras***

LR: 118

***La morto estas lumigilo***
***Kun nigra lumo***
***Kiu lumigas***
***Vivon la mian***

LMB: 77

*SENNOMBRAJ MIOJ DE MI*

***Sennombraj mioj de mi***
***Rondiras ombre ĉe mi***
***Sed ilin mi forgesis***
***Por povi rigardi al***
***Suno interna de mi***

LMB: 79

*SEPDEK SEP-JARA INFANO*

***Kiel infano***
***Mi rigardas min***
***Sepdek sep-jaran***
***Kaj iun vidas***
***Kiun ne kredas***
***Kiun ne konas***

FONTOJ:


1- Haupenthal, R. (Red.) Li kaj Ni, Festlibro por la 80a naskiĝtago de G. Waringhien, , Antverpeno/La Laguna: TK/Stafeto, 1985, 520 p., p. 122.

2- La literoj LR staras por La Renkontiĝoj, t.e. poemlibro de Ĝalali (vd. la postan piednoton). La numero montras paĝon de la persa originalo sur kiu aperis la koncerna poemo. Ĉar sur ĉiu paĝo de la originalo aperis maksimume du poemoj, en la kazo de elekto de ambaŭ poemoj, post paĝnumero aperas ankaŭ poemnumero, ekz.: LR:72/1 kaj LR:72/2.

3- Ĝalali, Biĵan, Didar-ha (La Renkontiĝoj), Poemoj verkitaj de 1996-2000, Tehrano: Morvarid, 2001, 302 p., p. 62. Ĉi tie mallonge referenciĝos kiel: LR..

4- La Robaioj, Umar Kajjam, Trad.G. Waringhien, Antverpeno: 1984 (2a eld.), 107 p, p. 27.

5- Peeraerts, Paul. La kvin vestoj de La Robaioj, Monato, citita en: http://www.esperanto.be//fel/mon/rec/roba_1.html (Lasta adapto de tiu ĉi paĝo: 11 junio 2001)

6- La literoj LMB staras por La Monda Bildo, t.e. poemlibro de Ĝalali (vd. la postan piednoton). La numero post LMB montras paĝon de la persa originalo sur kiu aperis la koncerna poemo. Ĉar sur ĉiu paĝo de la originalo aperis maksimume du poemoj, en la kazo de elekto de ambaŭ poemoj, post paĝnumero aperas ankaŭ poemnumero, ekz.: LMB:165/1 kaj LMB:165/2.

7- Ĝalali, Biĵan, Nagŝe Ĝahan (La Monda Bildo), Poemoj verkitaj de 1993-1996, Tehrano: Morvarid, 2002, 577 p., p. 406. Ĉi tie mallonge referenciĝos kiel: LMB.

8- Robin, Armand. La Nouvelle Revue Francaise, Nov. 1958, citita en la antaŭparolo de:
La Robaioj, Umar Kajjam, Trad. G. Waringhien, Antverpeno: 1984 (2a eld.), 107 p.

9- La Robaioj, Umar Kajjam, Trad. G. Waringhien, Antverpeno: 1984 (2a eld.), 107 p, p. 29.

10- Kiel ekz-o, jena libro entenas Kajjamajn robaiojn en 30 lingvoj, inkluzive la E-an far prof. G. Waringhien:
Rubaiyat of Omar Khayyam in 30 languages, Komp. · M. Ramezani, Tehrano: Padide, 1987, 709 p.
Jen du eldonoj de la robaioj en E-o far Waringhien:
La Robaioj, Umar Kajjam, Trad. . Waringhien, Antverpeno: 1984 (2a eld.), 107 p.
La Robaioj, 3a eld., Reviziita kaj plivastigita, Umar Kajjam, Trad. G. Waringhien, Chapeco: Fonto, 1997, 151 p.

11- Hillmann, Michael. An Autobiographical Voice: Forugh Farrokhzad, Editor Afsaneh Najmabadi, Harvard University Press Cambridge, Massachusetts, 1990. Citita en:
http://www.forughfarrokhzad.org/papers/papers2.htm

12- Robaiijate Omar Ĥajjam, Red. kaj 12paĝa enkonduko far Sadeg Hedajat, Tehrano: Bruĥim, 1923.
Tarane-haje Ĥajjam (Kanzonoj de Kajjam), Red. kaj 40paĝa enkonduko far Sadeg Hedajat, Tehrano: Bruĥim, 1933.
Lastatempe, nevo de Sadeg Hedajat publikigis ambaŭ librojn en unu volumo, aldonante 15paĝan enkondukon:
Hedajat, Ĝahangir, Ĥajjame Sadeg (ambigua titolo en la persa: "Kajjam laŭ Sadeg" kaj "Verdira Kajjam"), Tehrano: Naŝre Ĉeŝme, 2002, 183 p.

13- Charles Pierre Baudelaire (1821-1867), Les Paradis Artificiels.

14- La nombro de komunaj robaioj inter du verkoj de Hedajat estas 62.

15- T.e. ĉi mondon.

16- Tiun ĉi robaion Waringhien ne tradukis. Traduk-etudo ĉi tiea estas far la subskribinto.

17- Ĝalali, Biĵan, Didar-ha (La Renkontiĝoj), Poemoj verkitaj de 1996-2000, Tehrano: Morvarid, 2001, 302 p., p. 62. Ĉi tie mallonge referenciĝos kiel: LR.

18- Waringhien: r. n-ro 23.

19- Waringhien: r. n-ro 30.

# Sur nejŝaburaj aleoj



***D-ro Mohammad Reza Ŝafii Kadkani (1939-) estas unu el la plej eminentaj figuroj de la persa beletro nuntempa. Li estas kaj tre kapabla poeto kaj unika esploristo, kaj majstra redaktisto kaj tradukisto.***

Mohammad Reza Ŝafii Kadkani naskiĝis en Kadkan, malnova vilaĝo inter urboj Nejŝaburo[1] kaj Torbate-ĝamo en Ĥorasan-provinco de Irano. Ĝis licenciiĝo pri la persa literaturo, li studis en Maŝhado. Paralele li ankaŭ studis laŭ la tradicia religia studsistemo pri la teologio kaj araba lingvo. Poste li loĝis en Tehrano, kie magistriĝis kaj doktoriĝis pri la arabaj lingvo kaj literaturo. Dum longaj jaroj li instruis en diversaj universitatoj, i.a. en Anglio (Oksfordo) kaj Usono (Prinstono). Inter liaj esploraj verkoj, trovas sin: Alegorio en la persa poezio, La muziko de poezio, Periodoj de la persa poezio kaj La nuntempa araba poezio. Li redaktis persajn literaturperlojn kiel poemarojn de beletrgigantoj Moŭlana (Rumi) kaj Abu-said Abol-ĥejr. Kadkani tradukis i.a. verkon de Reynold A. Nicholson (1868-1945), kiu laŭ li estas "la plej granda Rumiologo"[2]. La verko nomiĝas La ideo de personeco en sofismo[3]. La poemaroj de d-ro Kadkani inkludas ekzojn: De folilango, Kiel arbo dum pluva nokt', Noktkantado, kaj Sur nejŝaburaj aleoj. El la lasta, jen venas traduko de poemo:

## Laŭ estado kaj poemado

*- Leviĝu! Jam Matenas*
*(Tion diras kokkrio)*
*- La dormadon kaj la lacon*
*lasu en la noktriveron.*

*Ebriulojn la meznoktajn*
*la rendulojn[4] soifantajn[5]*
*alifoje kriante*
*alvoku tra l' aleoj.*

*- Dormon de la pordetoj, rompu per la kriŝton'.*
*Refoje kaj gajante*
*pordegojn de la nokto, malfermu al aŭroro.*

*Koka kriego diras:*
*- La gajecon disheroldu;*
*al prizon' de l' vortoj, disrompu murojn, muregojn;*
*kaj la kanton de l' amantoj gastigu en la aleojn.*

*- Seligu la zefiron*
*por transpasi la maron;*
*kaj tra tiuj du aperturoj matenaj*
*sur l' ebrieca aleo*
*en matena pluvero*
*sur l' branĉo de akacio*
*dion vidu spegule.*

*- Rigardu al burĝonoj, tiuj tre valoraj,*
*ĉar la hieraŭa ĝarden', kies varpoj, veftoj pusis*
*jam nun ekis floradon.[6]*
*Rigardu al eglanterioj, kiuj kuŝas sur murŝultroj;*
*la dormadon de l' penseoj kolorigu per kantet';*
*kaj l' ilumiĝon de l' mateno, en lirlado de rojoj,*
*laŭ estado kaj poemado*
*interpretu konatece.*

*- La vekiĝon de l' tempo, kantu kun mi kriante;*
*kaj se logas vin kuŝ' kaj dorm',*
*"iru kuŝi por dormado, nur lasu min sola."[7]*

## Birdeto arbara

Simin Emrani

*En la verda arbaro trankvila*
*Iu birdeto neston jam faris*
*La varmega sango de l' sun'*
*En ĝia korpo pulsadis*

*Je suna veter'*
*Tra arbaroj ĝi fluganta*
*Kaj bril-arbaron de l' sun*
*Plum-ame tuŝanta*

*Iun tagon grizaj nuboj*
*Pezpeze alvenis*
*Ili vole nevole ĝian belan mondon*
*Subite malaperigis*

*La birdeto atendis kaj atendis*
*Sed la ĉielo ne bluiĝis*
*Grizaj nuboj restis*
*La ĉiel' sunon ne plu vidis*

*Nuboj enĉenigis la sunon*
*Birdeto netolere arbaron*
*Forlasinte sian neston*
*Devis trovi amatinon*

*Ĝi flugis kaj flugis*
*Fine sunon atingis*
*amatin' ame ĝin bruligis*
*al arbaro nenion signis*

*se estu nur la sun' sur ĉiel'*
*Abundas amobirdet' sur ĉi-ter'*

*Mi estas tiu birdeto kiu*
*Tage la sunon vidis*
*Mian nomon mondo aŭdis*
*Kaj por luno nokte rakontis*

**Piednotoj**

(**dikliteraj** notoj estas de poeto mem):

1- Nejŝaburo: Tre malnova urbo de Irano en Ĥorasan-provinco. I.a. naskiĝejo de ŝejko Farid-od-din Attar (1119-1229?) kaj Omar Ĥajjam (ĉ. 1050-1122).

2- El enkonduko de Kadkani al la suba tradukverko (paĝo sepdek):

3- Persa traduko de:

NICHOLSON, Reymond A. *The idea of personality in sufism* (La ideo de personeco en sufismo), *"Tasavvofe eslami"* trad. kaj enkonduko far d-ro M.R. Ŝafii Kadkani, Tehrano: Tus, 1979, 254 p.

4- renda* = En irana mistikismo karakterizas tiun, kiu laŭŝajne estas malbona aŭ faras malbonon, sed vere estas bona homo kaj faras bonon. Ties signifo tre vastas kaj diversas, kaj i.a. inkludas la jenajn (kaj iam kelkajn kune): kuraĝa, sagaca, subtila, kaŝema, ruza, diboĉema, liberema, ... Do, rendulo povas esti: bonulo, kuraĝulo, libertino, diboĉulo, ...

5- **"Al renduloj soifantaj, akvon neniu disdonas ..."** el gazalo **de Hafezo** (1320-1389).

6- **"Ho vi, sterilaj arboj! Kaŝitas viaj radikoj en diboĉada ter'!**

**Eĉ unu valora burĝono, ne povas elkreski sur vi."** El poemo de **M. Omid**, pseŭdonimo de **Mehdi Aĥavan Sales** (1928-1990), la nura nuntempa poeto, kiun oni entombigis ĉe maŭzoleo de Ferdoŭsio (940?-1020?).

7- El gazalo de **Moŭlana, Rumi** (1207-1273).

**Fontoj**:

ŜAFII KADKANI, M.R. *Dar kuĉe-baghaje Nejŝabur* (Sur Nejŝaburaj aleoj), Tehrano: Tus, 1978 (7-a eld.), (1-a eld. 1971), 83 p., p. 21-24.

www.iranyellowpages.net/en/about_iran/culture/poets/iranian_poetry02.shtm

**Foto**:

www.perlit.sailorsite.net/mahvash/poems.html

**Far**: Ahmad R. Mamduhi



*Nima Juŝiĝ*

# آی آدم‌ها...

نیما یوشیج

# *HO, HOMOJ....*

Nima Juŝiĝ estas pseŭdonimo de Ali Esfandjari (1896-1959), la patro de la persa novstila poemo. Li naskiĝis en vilaĝo Juŝ, norde de Irano. Jen traduko de fama poemo de li:

## Ho Homoj!

*Ho, vi homoj kiuj sidas ĉe la marbordo, feliĉa kaj ridanta,*
*iu mortas en la akvo,*
*iu estas konstante luktanta*
*sur ĉi tiu kolera, pika, malhela maro kiun vi konas.*
*Kiam vi estas ebria*
*pripensante superforti malamikon,*
*kiam vi pensas vane*
*ke vi helpas malfortan personon*
*por krei plian forton,*
*kiam vi fermas zonon ĉirkaŭ via talio, kiam ...,*
*kiam mi atentigu vin?*
*ke iu en la akvo predas la vivon vane?*

*Ho, vi homoj, kiuj estas sidantaj agrable ĉe la marbordo,*
*panoj sur viaj tablotukoj, vestoj sur viaj korpoj,*
*iu estas vokanta vin de la akvo.*
*Li batas la grandan ondon per sia laca mano,*
*lia buŝo malferme avidas spiron, okuloj plenas larĝe kun timego,*
*li vidis viajn ombrojn de malproksime,*
*englutis akvon en malluma profunda bluo,*
*kaj ĉiu-momente lia senpacienco kreskas.*
*Li eligas de la maro*
*foje la piedon, foje la kapon...*

*Ho,vi homoj ,*
*li ankoraŭ de malproksime rigardas tiun-ĉi maljunan mondon,*
*li kriegas kaj esperas helpon.*
*Ho homoj, kiuj estas trankvile rigardanta de la marbordo,*
*la ondo frapegadas al la silenta marbordo,*
*disvastiĝas simile al ebriulo falinte sur sia lito senscia,*
*retiriĝas kun muĝado, kaj ĉi tiu voko venas de malproksime denove:*
*Ho homoj ...*
*Kaj la sono de la vento pli kortuŝa ĉiu-momente,*
*kaj lia voĉo pli malforta en la sono de la vento;*
*de l' maroj apud kaj for*
*denove ĉi tiu voko estas aŭdebla:*
*Ho homoj tie ...*

## آی آدم‌ها

آی آدم‌ها که بر ساحل نشسته شاد و خندانید!
یک نفر در آب دارد می‌سپارد جان.
یک نفر دارد که دست و پای دائم می زند
روی این دریای تند و تیره و سنگین که می‌دانید.
آن زمان که مست هستید از خیال دست یابیدن به دشمن؛
آن زمان که پیش خود بیهوده پندارید
که گرفتستید دست ناتوانی را
تا توانایی بهتر را پدید آرید؛
آن زمان که تنگ می‌بندید
بر کمرهایتان کمربند
در چه هنگامی بگویم من؟
یک نفر در آب دارد می کند بیهوده جان قربان!

آی آدم‌ها که بر ساحل بساط دلگشا دارید!
نان به سفره؛ جامه تان بر تن؛
یک نفر در آب می‌خواند شما را.
موج سنگین را به دست خسته می کوبد
باز می دارد دهان با چشم از وحشت دریده
سایه هاتان را ز راه دور دیده
آب را بلعیده در گود کبود و هر زمانی بی‌تابیش افزون
می کند زیر آب ها بیرون
گاه سر گه پا؛

آی آدم‌ها!
او ز راه دور این کهنه جهان را باز می‌پاید؛
می‌زند فریاد و امید کمک دارد
آی آدم‌ها که روی ساحل آرام در کار تماشایید!
موج می کوبد به روی ساحل خاموش
پخش می گردد چنان مستی به جای افتاده. پس مدهوش
می رود نعره زنان . وین بانگ باز از دور می‌آید:
آی آدم‌ها ...
وصدای باد هر دم دلگزاتر،
در صدای باد بانگ او رهاتر
از میان آب های دور و نزدیک
باز در گوش این نداها.
آی آدم‌ها...

Tradukis: Hamze Ŝafii








Libro-prezento

# Iranaj Hajkoj

"Iranaj hajkoj, estas tre mallongaj poemoj, kiuj montras la efikon de la ekstazigaj japanaj hajkoj sur miaj pensoj kaj vortoj, sen havado de strukturo kaj konstruo de japana 17-silaba hajko... Eble tial 'Iranaj Hajkoj' estas taŭga nomo por tiuj ĉi poemetoj."



Probable malongaj poemformoj allogis irananojn de longe antaŭe. Tion i.a. pruvas ega ĉeesto de robaioj en la persa literaturo. Robaio, aŭ robajo, fakte estas pers-devena poemet-formo konsistanta el kvar versoj, el kiuj la 1-a, la 2-a kaj la lasta interrimiĝas. Sendube Omar Ĥajjam (ĉ.1045-ĉ.1122) estas la plej fama robajisto, kies robaioj tradikiĝis en plej multajn lingvojn de la mondo, interalie – kaj probable plej fidele - en Esperanton far karmemora prof. Gaston Waringhien (1901-1991).



Ankaŭ en la nuntempa literaturo de la persa lingvo, oni iniciatis novajn formojn por mallongaj poemoj. Probable unu el la sukcesaj estas senrimaj poemetoj de Biĵan Ĝalali (1927-2000). Liaj poemetoj longas de kelkaj versetoj ĝis unupaĝon (bv. vd. Biĵan Ĝalali, Irana Poeto, far Ali Reza Doŭlatŝahi en Irana Esperantisto, n-ro 2, jaro 1, vintro 2003, 32p., p. 6-7 kaj paĝoj 3-7 de ĉi numero).

Lastatempe diversaj iranaj poetoj provis poemi ankaŭ laŭ la japana delikata poemformo hajko. Tio okazis post tradukado de diversaj japanaj hajkoj en la persan, interilie per fama nuntempa poeto Ahmad Ŝamlu (1925-2000)

Februare de 2001 en Amsterdamo eldoniĝis "Iranaj hajkoj" far Kave Goŭharin (1955-), kiuj laŭ lia enkonduketo:

"... estas tre mallongaj poemoj, kiuj montras la efikon de la ekstazigaj japanaj hajkoj sur miaj pensoj kaj vortoj, sen havado de strukturo

kaj konstruo de japana 17-silaba hajko – t.e. 5 silaboj en la unua verso, 7 en la dua kaj 5 en la tria. Eble tial 'Iranaj Hajkoj' estas taŭga nomo por tiuj ĉi poemetoj."

Jen Esperanta traduko de kelkaj liaj poemetoj. (La numero de ĉiu irana hajko estas montrita en krampoj):

Luno!
Ho luno vi belas
Eĉ se mi ne ekzistas. [2]

Rano
Kantas en la laget'
Nokto ne solas... [7]

Ĉiu fenestro belas
Se vi
Aperas en ĝin... [9]

Vi belas
Kiel arbo, tra kies haroj
La vento blovas... [11]

Kiel grandiozas
Tiu ĉi roko:
Sur ĝia sino libelo sidas. [12]

Morgaŭ, kiam leviĝos la suno
Ĉu mi ekzistos
Por vidi ĝin denove...? [17]

Ne ĵaluzu la lumon de la suno,
Iel solvu vian enan mallumon... [18]

La domo malgrandas
Sed
Ne por l' afabluloj... [19]

Kiom solas
La nokto
En mia luma domo... [24]



Korvoj pli belas
Sur la blanko de l' neĝo... [36]

Se via koro ne tremiĝas
Ne timu,
Malfortas poemo, kiun vi legas... [27]

Ho juna paŝtisto!
Ludu fluton por via grego
Por ke verdaĵoj ne ektimu… [35]

Bruston de birdo
Ni tradentas
Kaj ni deziras, ke nia poemo ekttuŝu koron... [38]

Ho vi, kiu ne amas min!
Restu en la mond' kaj vivu
Kaj ankoraŭ min ne amu... [42]

GOŬHARIN, Kave. *Hajkohaje Irani* (Iranaj Hajkoj), kun angla traduko per Reza Sabz kaj nederlanda traduko per Klass Govers; ilustristo: Basim-ol-Rassam, Tehrano: Arviĝ, 2002 (2a eld.), 50p. (1a eld. Amsterdamo: feb. 2001).

Far: Asad Mahbub

# Floroj el "La Florejo" de Sadio

*Refoje kelkaj rakontoj el la fama libro de Ŝejko Sadio; La Florejo. Ĝuu legi ilin.*

Piulo estis gasto ĉe reĝo. Dum manĝo li konsumis malpli ol kutime kaj dum preĝo li faris pli ol kutime por reliefigi siajn meritojn.

*Mi timas ke vi ne atingos Kaabon, ho arabo!*
*Ĉar la voj' sur kio vi paŝas, finiĝas en Turkio.*

Kiam li alvenis hejmen li petis ion por manĝi. Li havis kleran filon kiu demandis: "Ho paĉjo, ĉu vi ne manĝis dum la reĝa festo?" Li respondis: "Mi ne manĝis ion utilan ĉe lia moŝto." Li diris: "Do la preĝon ankaŭ refaru ĉar vi ne faris ion utilan."

*Ho vi, kies malmeritoj subbrake estas,*
*kaj kies meritojn oni manplate trovas,*
*Ho la fiera amiko, per mono falsa*
*kion dum malfeliĉo vi aĉeti povas?*

زاهدی مهمان پادشاهی بود چون به طعام بنشستند کمتر از آن خورد که ارادت او بود و چون به نماز برخاستند بیش از آن کرد که عادت او، تا ظن صلاحیت در حق او زیادت کنند.

ترسم به کعبه نرسی ای اعرابی
کین ره که تو می روی به ترکستان است

چون به مقام خویش آمد سفره خواست تا تناولی کند پسری صاحب فراست داشت گفت ای پدر باری به مجلس سلطان در طعام نخوردی گفت در نظر ایشان چیزی نخوردم که به کار آید گفت نماز را هم قضا کن که چیزی نکردی که به کار آید.

ای هنرها گرفته برکف دست
عیب ها برگرفته زیر بغل
تا چه خواهی خریدن ای مغرور
روز درماندگی به سیم دغل

●●●●●●●●●●●●●●

Du princoj estis en Egiptio; unu sciencon lernis kaj la alia monkolekton koncernis. Finfine la unua fariĝis religiulo granda kaj la dua, reĝo sialanda. La riĉulo rigardis al la religiulo humilige kaj diris: "Mi atingis al reĝeco kaj li ankoraŭ restas en povreco." La religiulo respondis: "Ho la frato! La favoroj de Dio, valora estu lia nomo, ankoraŭ estas pli multaj por mi ol por vi ĉar mi heredis heredaĵon de Salomono, kio estas scienco, kaj vi heredis heredaĵon de Faraono, kio estas egiptreĝa potenco.

*Mi estas piedpremata formiko,*
*kaj ne vespo ĝenanta per la piko.*
*Kiel mi rekompencu la favoron*
*ke mi ne kapablas kaŭzi doloron.*

دو امیرزاده در مصر بودند یکی علم آموخت و دیگر مال اندوخت عاقبه الامر آن یکی علامه عصر گشت و این یکی عزیز مصر شد پس این توانگر به چشم حقارت در فقیه نظر کردی و گفتی من به سلطنت رسیدم واین همچنان در مسکنت بمانده است گفت ای برادر شکر نعمت باری عزاسمه همچنان افزون تر است بر من که میراث پیغمبران یافتم یعنی علم و تو را میراث فرعون و هامان رسید یعنی ملک مصر.

من آن مورم که در پایم بمالند
نه زنبورم که از دستم بنالند
کجا خود شکر این نعمت گزارم
که زور مردم آزاری ندارم

●●●●●●●●●●●●●●

En la reto de malforta fiŝisto kaptiĝis forta fiŝo; li ne kapablis teni ĝin, do la fiŝo superis kaj forprenis la reton kaj foriris.

صیادی ضعیف را ماهی قوی به دام اندر افتاد طاقت حفظ آن نداشت ماهی بر او غالب آمد و دام از دست اش در ربود و برفت.

*Sklaveto iris alporti riveran akvon,*
*la river' inunde kunportis la sklaveton.*
*La reto ĉiam kunportis multe da fiŝoj,*
*Ĉi-foje fiŝ' iris kaj forportis la reton.*

شد غلامی که آب جوی آورد
جوی آب آمد و غلام ببرد
دام هربار ماهی آوردی
ماهی این بار رفت و دام ببرد

Aliaj fiŝistoj bedaŭris kaj riproĉis lin: "Kial kaptinte tiun ĉasaĵon vi ne povis teni ĝin?" Li respondis: "Ho la fratoj, kion mi povas fari kiam la sorto diktis ke mi nenion ĉasu kaj tiu fiŝo alian tagon pasu?" Kontraŭ-sorte fiŝisto el Tigriso ne fiŝ-kaptivas kaj laŭ-sorte fiŝo eĉ sur la tero plu vivas.

دیگر صیادان دریغ خوردند و ملامت‌اش کردند که چنین صیدی در دامت افتاد و ندانستی نگاه داشتن گفت ای برادران چه توان کردن مرا روزی نبود و ماهی را همچنان روزی مانده بود صیاد بی‌روزی در دجله نگیرد و ماهی بی‌اجل بر خشکی نمیرد.

● ● ● ● ● ● ● ● ● ● ● ● ● ● ●

El du fratoj, unu servis la sultanon kaj l' alia perlaboris panon. La riĉa frato admonis la malriĉan: "Kial vi ne servas por liberiĝi de pena laboro?" Li respondis: "Kial vi ne laboras por liberiĝi de servo-malhonoro?" Kleruloj diris ke manĝi sian panon kaj malkomforti pli bonas ol surzone oran glavon de l' servo porti?"

دو برادر یکی خدمت سلطان کردی و دیگر به زور بازو نان خوردی باری این توانگر گفت درویش را که چرا خدمت نکنی تا از مشقت کار کردن برهی گفت تو چرا کار نکنی تا از مذلت خدمت رهایی یابی که خردمندان گفته‌اند نان خود خوردن و نشستن به که کمر شمشیر زرین به خدمت بستن.

*Per kalkita mano panon prepari*
*pli bonas ol por l' emir' ion fari.*

به دست آهک تفته کردن خمیر
به از دست برسینه پیش امیر

*La valora vivo pasis por tio*
*kion mi portu kaj kion mi manĝu.*
*Ho volupta ventr', satiĝu per pano*
*por ke la dorso serve ne kliniĝu.*

عمر گرانمایه دراین صرف شد
تا چه خورم صیف و چه پوشم شتا
ای شکم خیره به نانی بساز
تا نکنی پشت به خدمت دو تا

Elektis kaj tradukis: đ-ro Kejhan Sajjadpur

● ● ● ● ● ● ● ● ● ● ● ● ● ● ●



# *Okaze de la jubilea UK*

# *Neniam vesperanto*

*Esperanto, Esperanto,*
*Ĝis alvenos l' eterno,*
*Vi estu prosperanto.*




KONGRESO
90a UNIVERSALA
de ESPERANTO
VILNIUS 2005

*Esperanto, Esperanto,*
*Neniam sur la mondo,*
*Vi estu vesperanto.*

*Esperanto, Esperanto,*
*Nur en via belĝarden',*
*Mi estas spiranto.*

*Esperanto, Esperanto,*
*Vi estas la plej inda,*
*Komunika peranto.*

*Esperanto, Esperanto,*
*Por servi vin dumvive,*
*Mi estas aspiranto.*

Foto: la unua UK en 1905

*Esperanto, Esperanto,*
*Neniam el inter ni,*
*Vi estu malaperanto.*

*Esperanto, Esperanto,*
*Por lerni vin malfrue,*
*Mi estas suspiranto.*




*Esperanto, Esperanto,*
*Ke finfine vi venkos,*
*Mi estas esperanto.*

*D-ro Kejhan Sajjadpur*

*Irana kinarto*

# Tre For kaj Tre Proksime

*La nova filmo de Reza MirKarimi, **Tre for kaj tre proksime** signife havas multon komunan kun lia pasinta **Sub la lumo de la luno**, kvankam la filmtemoj estas tute diferencaj. Lia filozofieca aliro, ĉi-filme pli koncerniĝas pri la morto. Ĉefe temas pri fiziko kaj metafiziko, aŭ sciencokajkredo: ateista cerbspecialisto vizaĝ-al-vizaĝiĝas kun sia cerbmalsana filo kredanta.*







**Tre for kaj tre proksime allogas diverskiale**







S.R. MirKarimi, 39-jara reĝisoro irana, jam povis fari tre sukcesajn filmojn: **Sub la lumo de la luno** kaj **Tre for kaj tre proksime.**

## La temo

Ĉe Novjartago irana, d-ro Alam (laŭlitere en la persa signifas universon), bonhava specialisto pri cerbo kaj nervoj, kies hobio estas interrete veti pri kurĉevaloj, provas ĉi-foje atingi al la naskiĝfesto de Saman, lia dudekkelkjara filo. Tamen hazarde li ekkomprenas pri la cerbmalsano de la filo, kaj plisciiĝante pri la malsano, refoje perdas la okazon ĉeesti en la festo por donaci novan teleskopon al la filo, kies hobio estas astronomio. Tamen donacaĵo de la patrino, svedino disiĝinta de la d-ro kaj loĝanta en sia lando, alvenas ĝustatempe.

La temo estas bone ekspluatita por elmontri tre diversajn aferojn: de sociaj problemoj kiel la distanco inter la nuntempaj familianoj, ĉi tie patro kaj filo, kio estas 'tre for kaj tre proksime' – ĝuste kiel okazas ankaŭ pri la astroj – ĝis la plej ĉefaj diskutoj de la filozofio, kiel fiziko kaj metafiziko kaj 'esti aŭ ne esti'.

| Kreintoj de: **Tre for kaj tre proksime** (130 minutojn, kolora, 35mm) | | | |
|---|---|---|---|
| **Produktinto kaj reĝisoro** | Sejjed Reza MirKarimi | Scenaristo | S.R. MirKarimi kaj M.R. Goŭhari |
| **Aktoroj** | Masud Rajgan, Elham Hamidi, Afŝin Haŝemi kaj M.R. Naĝafi | | |
| **Kinematografo** | Hamid Ĥozui Abjane | Specialaj efektoj | Mohsen Ruzbehan |
| **Kostum-desegnisto** | Amir Esbati | Scenej-desegnisto | Amir Esbati |
| **Ŝmink-desegnisto** | Mohammad Goŭmi | Son-registristo | Bahman Ardalan |
| **Fotografo** | Maĝid Sabbag Behruz | Aktorelektinto | Reza Kianian |
| **Muzikisto** | Mohammad Reza Agili | Filmeditisto | Bahman Dehgani |

## La reĝisoro

Sejjed Reza MirKarimi (1966-) naskiĝis en Tehrano, kaj studis grafikon en Universitato de Tehrano. Reĝisoradon li komencis por mallongaj filmoj, kiel Por li, Pluva tago kaj La koko. Li ankaŭ reĝisoris du televidajn serialojn: La suno kaj sinjorino Aziz, kaj La infanoj de Hemmat-lernejo.

Liaj longaj filmoj inkludas: La infano kaj la soldato (1999), Sub la lumo de la luno (2001) – kio gajnis la prestiĝan 'Premion de Kritikistoj' en la filmfestivalo de Cannes, elp. Kan – kaj Ĉi tie lampo lumas (2002). Probable la plej brilaj filmoj de li estas Sub la lumo de la luno, kaj Tre for kaj tre proksime. La unua plej sukcesis historie kaj scenare, dum la lasta krome ĝuas kinartajn karakterizaĵojn konsiderinde pli alte. Cetere, la unua estis bone utiliginta la sukcesajn elementojn de La infano kaj la soldato, ankaŭ kiu siatempe kaptis multan atenton en la internaciaj filmfestivaloj (ĝi ankoraŭ ne surekraniĝis en lia lando).

MirKarimi probable estas la unua reĝisoro en Irano, kiu faris filmojn, kiuj rilatiĝis al la vivo de la religiuloj de la lando. En Sub la lumo de la luno la ĉefrolulo, Sejjed Hosejn, estas studanta ĉe religia lernejo tradicia, kaj pretiĝas por ekvesti la religiulan surtuton kaj kapveston. Tamen oni ŝtelas liajn novajn venontvestojn, kaj por trovi ilin, li eliras la lernejan mondon kaj konatiĝas kun la ekstera mondo ... La plejvendita filmo de Kamal Tabrizi (1959-) nomata La lacerto (2004) estis farita nur post ĝi. Ankaŭ en Tre for kaj tre proksime ni spektas religiulon.

## La filmo

En la 23a Faĝr-film-festivalo (2005), kio okazas ĉiuvintre en Tehrano – kaj kio malkiel plej multaj filmfestivaloj okupiĝas pri surekraniĝontaj filmoj – Tre for kaj tre proksime sukcesis kandidatiĝi por ĉiuj premioj aplikeblaj por ĝi, t.e. 13 diversaj premioj. La filmo povis gajni 6 premiojn por la: plej bonaj filmo, muziko, scenej-, kostum- kaj ŝmink-desagnado kaj kinematografio.

Ĉi-somermeze la filmo surekraniĝos, kaj atendeble estos bonvenigata flanke de iranaj kinejvizitantoj.

MirKarimi jam diris, ke unuafoje li ekpensis pri la ideo de la nova filmo, ĵus post kiam li finfaris La infano kaj la soldato: «Sed ĉiufoje ial mi sentis, ke ankoraŭ fruas por tion plenumi, tial mi faris Sub la lumo de la luno kaj Ĉi tie lampo lumas ... Sekvante miajn ĝisnunajn verkojn, mi elsentis, ke unu el miaj korŝataĵoj, pri kio mi amas okupiĝi, estas mort-historio, kaj nun, kiam ĝi en tiu ĉi formo allogis laŭ mi, mi faris tion.»

Pli ol duono de la filmo okazas en dezerto, kien iris d-ro Alam sekvante Saman-on kaj liajn geamikojn, kiuj volas kapti astrojn per siaj teleskopoj en la tiea steloplena ĉielo pura. Ĝis nun nur kelkaj filmoj fariĝis en iranaj dezertoj belaj, kies kialon MirKarimi traspertis: egaj malfacilaĵoj rilate al vetero, lumo, vojo, distancoj, ...





Tri distingeblaj aliroj rilate al metafiziko en la 23a Faĝr-filmfestivalo 2005: **Panpeco** (far Kamal Tabrizi), **Ĉiuj ni bonfartas** (far Bijan MirBageri) kaj **Sunsubiras, alvenu!** (far Ensije Ŝah-Hosejni).

## La kieo de la filmo

Inter la filmoj de la 23a Faĝr-festivalo, klare distingeblas tri diversaj aliroj rilate al metafiziko. La unua konsidereble konfirmas kaj eĉ intencas plifortigi la kredon al metafiziko precipe al ĝia religia branĉo. La meza emas al la metafiziko, sed unuflanke ne povas deĉenigi sin de la fiziko, kaj aliflanke ĉefe okupiĝas pri la teraj aŭ homecaj meritoj kaj ecoj rilate al la metafiziko, ol la ĉielaj. La lasta aliro iel negemas la metafizikon, en ties diversaj vestoj. Ekzemplaj filmoj por la tri kategorioj repektive estas: Panpeco (far Kamal Tabrizi), Ĉiuj ni bonfartas (far Bijan MirBageri) kaj Sunsubiras, alvenu! (far Ensije Ŝah-Hosejni).



Tre for kaj tre proksime certe lokiĝas en la meza kategorio, probable kiel la plej montriva kaj bonfarita en la kategorio.

## Filmo kaj filozofio

Verŝajnas interese kompareti inter tiuj ĉi kategorioj, kaj tri ĉefaj etapoj pasigitaj per la homa filozofio: pratempe, eĉ antaŭ la helenaj filozofoj, kiel Sokrato, Platono kaj Aristotelo (429-347 a.K.) metafiziko kaj supernaturo estis kredataj sen duboj, kaj ili ĉefe okupiĝis pri kiaeco de tio. Ĉe la nuntempa filozofaro, entenanta vizaĝojn kiel Bertrand Russell, elp. Rasel (1872-1970), J. P. Sartre, elp. Sartr (1905-1980) kaj Albert Camus, elp. Alber Kamo (1913-1960), validas la malo, nome ili tutkredas neekziston de metafiziko, kaj okupigas sin pri materiaj aŭ fizikaj filozofiflankoj de la mondo. Inter tiuj du ekstremoj, probable lokiĝas filozofoj, kiel Søren A. Kierkegaard (1813-1855), kaj M. Heidegger, elp. Hajdeger (1889-1976), kiuj hezitemis inter fiziko kaj metafiziko.

## Homo kaj metafiziko

Kvankam kredi pri metafiziko aŭ supernaturo, kiel okazas ĝenerale pri plej multaj kredoj, estas ago de fido – kio radikas el persona sperto – tamen laŭ la itiniero jam pasigita per la homa filozofio, nun ni situas en la mezo de kompleta negado de metafiziko. Certe, la adiaŭado kun la metafiziko ankoraŭ ŝajnas ne tiel ebla aŭ/kaj plaĉa por la plejmulto – eĉ por kleruloj kaj artistoj, kiuj ja ne apertenas al la amaspopolo, sed al elito pli proksima kaj pli kompreniva al la filozofioj.

Kiel spertite, la popolamaso ofte restas kelkajn generaciojn malantaŭ la filozofoj de sia tempo. Do la kleruloj kaj artistoj de la socio povas roli kiel ĉenero inter la filozofoj kaj la popolamaso: ĉar ili komprenas lingvaĵon de ambaŭ ili kaj inde povas komuniki la trovitaĵojn de la pensuloj al la ordinaraj homoj, kiuj ne facile komprenivas tion. Kiam kaj kie tio okazas, nome tri ĉeneroj interligiĝas hierarkie, ĉio antaŭenirivas glate. Sed, kiam kaj kie la meza ĉenero, la kleruloj kaj artistoj, ne plenumas la atendindan taskon, t.e. traduki kaj transdoni la trovitaĵojn de la filozofoj al la publiko, progresado de la socio grave malrapidiĝas – kaj eĉ, tre facile povas transiĝi al regresado. Kiam tio okazas, ĝi povas havi almenaŭ du kialojn: aŭ la kleruloj kaj artistoj mem ne kred(em)as pri la tempaj trovitaĵoj; aŭ ili tion kredas sed volas fari siajn verkojn laŭ la plaĉo de la amaspopolo. Se veras la unua: tiel larĝa fendo inter ili kaj la tempa filozofio ne estas tiel deca, ĉar ili estas ja kleruloj en la socio kaj portas sur siaj ŝultroj la respondecon transigi kaj popularigi la plej novajn filozofiajn atingaĵojn al la publiko. Kaj se la dua veras: ankaŭ tion ĉi verŝajne kaŭzas du ĉefaj kialoj: (1) ili faras tion, nome fari siajn verkojn tiel, kiel

plaĉas al la spektantoj, ĉar ili deziras sukceson kaj famon grandskalan; (2) ili faras tiel, por ke ili ne trovas la publikon ankoraŭ preta por la tempa filozofio. Eĉ se la lasta veras, unue ili almenaŭ ne faru verkojn malajn al la evoludirekto de la tempa filozofio; kaj due ilia vera arto konsistus el transdiri la mesaĝon de la tempaj filozofoj tiel, ke ties akceptiĝo flanke de la popolanoj fariĝu pli kaj pli facile, kaj eble.Adiaŭado ne facilas

Kompreneble adiaŭi la metafizikon kaj supernaturon, kio tiel komfortige kaj helpeme kunestis ĉe la sola homo, neniel estas facile. Dum milionjaroj homo poluris siajn idealojn tiel fajne laŭ siaj deziroj kaj bezonoj, ke ili preskaŭ ĉiurilate ebl- kaj ind-igis la vivadon por la homo – kaj cetere la morton kaj eĉ la postmorton. Tamen, ekde kiam la homo ekpensis pri metafiziko, ĝis nun, li multege progresis kaj sci(enc)e kaj teknike. Do li jam ne estas tiu malforta, nescianta senŝirmeja estaĵo, kiun simpla fulmotondro povis terurigi oferlimen; aŭ kiun eta vundiĝo povis mortigi infektiginte, kaj kiu nenian ĝustan klarigon havis pri naturaj fenomenoj timigaj al li, krom la superstiĉajn. Sekve, nun por li – almenaŭ materi(al)e - flankenmetado de la metafizikaj helpofontoj devas esti multe pli farebla, ol tiam, kiam li estis tiel malforta mense kaj pense. Tamen probable psike li ankoraŭ ne estas tiel matura por disiĝi de la potencaj apogatoj. La kialo, kiel i.a. Erich Fromm, elp. Erik From (1900-1980) – plejmulte fama pro lia aplikado de psikanaliza teorio por sociaj kaj kulturaj problemoj – priklarigis, eble kuŝas en multmiljaraj malnovkredaĵoj kaj superstiĉoj, kies ekzistodaŭro estas multege pli longa ol la nova tempo, kion konsistigas nuraj jarcentoj. Per plej eta frapiĝo, la maldika ŝelo de la novtempa psiko disrompiĝas kaj la multmiljara montras sin kaj ekagas. Sekve, multo verŝajnas 'tre for kaj tre proksime'.

La furoro de la sciencfikciaj verkoj – i.a. libroj kaj filmoj – bone elmontras la ankoraŭan soifegon de la homoj por la 'scienca metafiziko' aŭ 'reale ebla supernaturo': eksterteranoj certe konsistigas ĉefan parton en tia sopirado.

## Fontoj


www.fajrfilmfest.com/23

http://cinetmag.com/movies/83/kheilidoor_kheilinazdik.htm

http://www.irib.ir/shomavasima/8181/pic/ma/ma8181-reza%20mirkarimi.gif

www.irfilms.com/.../ undermoonlight.htm

Microsoft Encarta Premium Suite 2005. Usono: Microsoft Corporation, 1993-2004, 4 KDoj, Versio: 14.0.0.0603.

Dar kavire tanhaji (En la soleca dezerto), aperinta en perslingva magazino San'ate sinema (Kinindustrio), n-ro 31, 3-a jaro, feb. 2005, 194 p., p. 36-37.




Verkis: Ŝima Bastani




*Reklamo pri la 23-a Faĝr Internacia Film-Festivalo kiu okazas ĉiujare en Irano*

Recenzo de

# "La Knabina dormejo"

**Reĝisoro:** Mohammad Hosejn Latifi
**Geaktoroj ĉefaj:** Baran Koŭsari (Roja), Negar Ĝavaherian (Ŝirin), Maĝid Salehi (Farhad)

**Temo:**

Roja kaj Ŝirin, najbaraj amikinoj, akceptiĝas en universitateto en urbeto proksime de Tehrano. Farhad, frato de Ŝirin, amas Roja-on. La knabinoj devas ekloĝi en malnova dormejo, apud kio estas granda duonruina domaĉo el kio aŭskulteblas virinaj krioj nokte. Ankaŭ kelkaj novedzinoj malaperis tuj post geedziĝfesto. La urbetanoj kredas ke malicaj spiritoj (en la persa "ĝen") loĝas en la domaĉo kaj ili rabis la novedzinojn. Roja kaj Farhad malkovras ke frenezulo nomata Ganbar rabis la novedzinojn kaj post suferigoj mortigis ilin en la domaĉo kaj la krioj apartenis al tiuj malfeliĉaj virinoj. Polico arestas Ganbar-on sed li eskapas kaj rabas Roja-n post geedziĝfesto de Farhad kun ŝi. Ganber suferigas Roja-n sed feliĉe Farhad kaj policanoj trovas ilin kaj savas Roja-n.






**Recenzo:**

La nombro de hororaj filmoj dum la historio de irana kinarto estas malpli ol tio de la manfingroj. Lerta uzo de klasikaj iloj por tiaj filmoj kiel mallumo, hundaj kaj lupaj hurloj, tondroj kaj samaj, kombinitaj kun iranecaj aspektoj faris la filmon sukcesa en sia genro. Dum la filmo, kvankam mi klopodis kontroli min, mi vere sentis timon kun la aktoroj de la filmo. La plejmulto de la spektantaro en la kinejo laŭte kriegis dum la filmo.

La filmo facile divideblas al tri partoj. La unua parto komenciĝas per la komenco de la filmo kaj finiĝas post la ekloĝo de la knabinoj en la dormejo. Tiu parto neniel estas horora. La hororo komenciĝas dum la dua parto sed la fonto de tiu hororo estas imagaj malicaj spiritoj, do oni ne multe sentas timon. Kredo je tiuj estaĵoj apartenas al maljunaj kaj needukitaj tavoloj de irana komunumo. La tria parto komenciĝas per apero de freneza krimulo kaj liaj krimoj kiel mortigo de novedzinoj, inkluzive de Robab pro lia fiaska amo al ŝi. La iranan komunumon impresis kelkaj tiaj krimuloj dum la pasintaj jaroj, personoj kiel la Nokta Vampiro, Krimulo de Pakdaŝt (la plej nova) kaj aliaj. Do la afero ŝajnas tute vera, facile sentebla kaj horora dum tiu parto.

Krom la hororaj aspektoj, la filmo karakteriziĝas per aliaj aspektoj. Iom mirige, la filmo ankaŭ estas komedia speciale dum la unua parto. Tio ne difektas la filmon kaj eĉ ŝajnas ke ĝi volas montri ke timo kaj rido estas eroj de la vivo unu apud la alia. Alia aspekto estas la recenza. Fondado de universitatoj en malgrandaj urboj de Irano (speciale per Azad universitato) kaŭzas multajn problemojn por iliaj studentoj kiuj ofte venas de grandaj urboj. La filmo kritikas tion tre lerte kaj estas la unua filmo en Irano kiu taskis tiun problemon.

Konklude oni devas konfesi ke la filmo estas relative sukcesa en sia genro malgraŭ raraj klopodoj por produkti tiajn filmojn en Irano.

Parisa Mahbub

A. Ĉehov
el serba tradukis Tereza Kapista

# PRELEGO KONTRAŬ FUMADO

Njuhin kun longaj haroj sen lipharoj, en malnova foruzita frako. Kun pompo eniras, liverencas kaj ordigas sian veston. Viaj sinjorinaj moŝtoj kaj parte sinjoraj moŝtoj (kombante la harojn), al mia edzino estis proponataj, ke mi ĉi tie faru popularan prelegon karitat-cele. Kaj kio? Se oni bezonas prelegon, estu prelego! Por mi egalas. Mi kompreneble ne estas profesoro kaj ne posedas iun sciencan titolon, sed sendepende de tio, jen mi jam 30 jarojn senlace, eĉ oni povas diri, kontraŭ propra sanstato kaj simile al tio, mi laboras en kampoj strikte scienckarakteraj, kaj fojfoje eĉ mi verkas, imagu, sciencajn artikolojn, do, ne tute sciencajn, sed ion similan, pardonu pro mia esprimo, kvazaŭ sciencajn. Inter aliaj en nunaj tagoj mi verkis grandegan artikolon titolitan "Pri la malutileco de iuj insektoj" Al miaj filinoj ege plaĉis la artikolo, aparte la parto pri cimoj. Kiam mi tralegis ĝin, disŝiris kaj forjetis ĝin. Ĉar sendepende de tio kiel oni verkas, sen persa pulvoro, oni nenion povas sukcesi. Ni eĉ en nia fortepiano havas cimojn. Por la temo de mia hodiaŭa prelego mi elektis, tiel dirite la damaĝon kion okazigas al la homaro konsum-ĝuado de la tabako. Mi persone fumas, sed mia edzino ordonis al mi ke mi hodiaŭ parolu pri la malutilo de tabako. Do, oni ne havas pri kio disputi. Se estas pri tabako, estu pri tabako - por mi ne gravas, sed al vi gesinjoraj moŝtoj, mi proponas ke vi rilatu kun seriozeco kaj estimo al mia prelego, ke ne okazu miskrompreno. Tiu, tamen, kiu timas ke la prelego estas seka, neinteresa scienca prelego, al kiu tio ne plaĉas, tiu ne estas devigata aŭskulti la prelegon, tiu povas eliri (ordigas la veston). Aparte mi petas atenton de la ĉi tieaj ĉeestantaj sinjoroj kuracistoj, kiuj povas el mia prelego eltiri multajn utilajn sciojn, ĉar la tabakon sendepende de ĝia damaĝa efiko oni tamen uzas en medicino. Ekzemple se oni enmetos muŝon en tabakujon, la muŝo forpasos, verŝajne pro nerva atako. La tabako plejparte estas kreskaĵo. Kiam mi prelegas, kutime mi palpebrumas per la dekstra okulo, sed vi preterlasu rimarki tion, tio okazas pro ekscito. Mi estas tre nervoza homo. Ĝenerale dirite, sed mi komencis palpebrumi en la jaro 1889. La 13-an de septembro en la sama tago kiam mia edzino iel naskis la kvaran filinon Varvara. Ĉiuj miaj filinoj naskiĝis la 13-an. Interalie (rigardas la horloĝon) pro la tempomanko, ni ne deflankiĝos de la preleg- temo. Mi devas diri al vi, ke mia edzino havas muzik -lernejon kaj privatan knabinan pansionejon, do, ne tute tion, sed ion similan. Inter ni parolante, sciu ke, mia edzino ŝatas plendi pro la malhaveco, sed tamen ŝi ion flanken metis, eble kvardek-kvindek mil rublojn. Kaj mi, eĉ kopekon ne havas - eĉ unu monereton, sed vanas paroli pri tio. En pansionejo mi laboras kiel ekonomisto. Mi aĉetadas la manĝaĵojn, kontrolas la servistojn, librotenas la elspezojn, kudras la kajerojn, ekstermigas la baltojn, iras promeni kun la hundeto de mia edzino, ĉasadas la musojn. Hieraŭ vespere mia tasko estis, doni farunon kaj oleon al la kuiristino, ĉar oni planis fari pladkukojn. Do, por ne longigi, hodiaŭ kiam la pladkukoj jam estis frititaj, mia edzino alvenis kun informo ke tri lernantinoj ne venos manĝi pro la ŝvelitaj tinsiloj. Tiel montriĝis ke ni fritis kelkajn superfluajn padkukojn. Kion fari kun ili? Unue mia edzino ordonis porti ilin en la kelon. Poste iom pripensis, pripensis, kaj diris: "manĝu ilin vi monstro". Kiam ŝi estas malbonhumora ĉiam nomas min tiel; aŭ monstro, aŭ turpegulo, aŭ satano. Kaj kia satano mi estas? Ŝi ĉiam estas malbonhumora - kaj mi nur manĝis la padkukojn, sed forglutis ilin sen maĉado, ĉar mi ĉiam malsatas. Ekzemple, hieraŭ ŝi ne donis al mi tagmanĝon. Vin, mi nutras senporofite.... Sed, (rigardas la horloĝon) mi tamen iomete deflankiĝis de nia temo. Daŭrigu: kvankam



vi nun preferas aŭdi iun romancon, eble iun sinfonion, arion ...(Kantas). "..En fajro de la atako ni ne retiriĝos!" Mi ne rememoras de kie venas tiu testo. Interalie, mi forgesis diri al vi, ke en muziklernejo de mia edzino mi instruas matematikon, fizikon, harmonion, geografion, historion, solfeĝon, literaturon kaj similajn studobjektojn. Por dancado, kantado kaj desegnado, mia edzino prenadas apartan monsumon, kvankam la dancadon kaj la kantadon mi instruas. Nia muziklernejo trovioĝas en la Hunda strato numero 13. Pro tio estas, verŝajne, mia vivo tiom malfeliĉa. Ĉar mi loĝas en la domo numero 13. Miaj filinoj ankaŭ naskiĝis la 13an. Kaj nia domo havas 13 fenestrojn...Sed vane mi tion rakontas al vi... Se vi havas interparoladon kun mia edzinon vi ĉiam povas trovi ŝin hejme, kaj la programon de la lernejo, se vi deziras, vendadas la pordisto kontraŭ 30 kopejkoj. (prenas el la poŝo kelkajn kajeretojn). Jen, se iu deziras, mi povas doni je via dispono. Unu ekzemplero 30 kopejkoj. Kiu deziras? (paŭzo) Neniu deziras? Do, estu 20! (paŭzo) Bedaŭrinde! Jes, la domo numero 13. Nenion mi faras kun sukceso, mi maljuniĝis, malsaĝiĝis...Jen. Mi prelegas, mi aspektas ĝoja, sed mi deziras, se mi povintus elkrii, tutvoĉe kriaĉi, aŭ forflugi ie tre for al la fino de la mondo. Mi havas neniun al kiu mi povus ple ili nur ridas...Mia edzino havas sep filinojn...Ne, ŝajnas nur ses...(Vigle).

Sep! La plej aĝa estas 27-jara kaj la plej juna 17. Ho, Dio, pardonema! (turnas sin ĉirkaŭ si) Mi estas malfeliĉulo, mi fariĝis stultulo, nenion faranto, tamen, vi havas antaŭ vi la plej feliĉan patron en la mondo. Verdire, tiel devus esti, kaj mi ne rajtas diri aliel .Ho, se vi nur scius! Mi pasigis kun mia edzino tridektrijarojn, kaj povas diri ke tiuj estis la plej belaj tagoj en mia vivo, ne la plejaj, sed iel-tiel ..,ĝenerale... Ĉiuj forflugis, unuvorte, kiel unu feliĉa momento, veron dirite, prenu ilin diablo! (Turniĝas rigardante) Interalie, ŝi ankoraŭ ne venis, ne estas ĉi tie, kaj mi povas paroli kion mi volas...Mi ege timas...mi timas kiam ŝi rigardas min. Jes, mi, diras al vi: miaj filinoj ne edziniĝis tiom longe, verŝajne pro tio ĉar ili estas tre hontemaj, kaj pro tio ĉar la viroj neniam vidas ilin- Vesperajn manĝojn mia edzino ne volas organizi, al tagmanĝo neniun invitas, ŝi estas eksterordinare avara, kolerema, kverelema, pro tiu neniu al ni venadas, sed... mi povas diri al vi sincere (Alproksimiĝas al publiko) dum niaj grandaj festotagoj la filinojn de mia edzino vi povas vidi ĉe ilia onklino Natalia Semjonova, do ĉe tiu kiu suferas pro reŭmatismo kaj paŝadas en iu flava robo kun nigraj punktetoj, ŝajnas surŝutita kun blatoj). Tie oni regalas per manĝetoj. Sed kiam mia edzino forestas, povas okazi ankaŭ tio ĉi (Batetas la gorĝon). Mi devas konfesi al vi, mi ebriiĝas tuj post unu glaseto, kaj en mia spirito eniritas agrableco, sed samtempe iu tristo, kion mi ne povas esprimi al vi: kiu scias pro kio, mi rememoras la junecon kaj mi ekhavas deziron fuĝi, ho, se vi scius, kiom ege mi tion deziras! ( Kun elano) Forfuĝi, lasi ĉion kaj fuĝi kiom rapide miaj piedoj kuri kapablas... Kien? Egale kien... nur fuĝi de ĉi tiu banala, aĉa kaj senutila vivo, kiu de mi faris oldulon, bedaŭrindan stultulon, aĝan idioton. Jes fuĝi de ĉi tiu malbona, aĉa avarulino, de mia edzino, kiu perturbis min dum tridektrijarojn, fuĝi de muziko, de la kuirejo, de la mono de mia edzino, kolono kiel birdtimigilo, sub vasta ĉielo kaj ke mi dum tuta nokto rigardu kiel super mi flugas la silentema kaj klara luno, kaj ke mi forgesu, forgesu...Ho, iel mi dezirus ne rememori ion ajn!...Ho. kiel mi ŝatus malvesti ĉi oldan, ĉifonitan, malagrablan frakon en kiu mi edziĝis antaŭ tridekjarojn...(malvestas la frako) en kiu mi senĉese prelegis karitatcele...Jen, por vi! (Surstaras la frakon) Jen, por vi! Mi estas olda, bedaŭrinda kaj malfeliĉa, same kiel mia veŝto, kun foruzata, ĉifonita dorso (Montras la dorson). Mi bezonas nenion! Mi estas super tio, mi estis iam juna, saĝa, mi studis, revadis, mi taksis min HOMO. Nun mi nenion bezonas! Nenio, krom paco...krom trankvilo! (Rigardante flanken, kaptas la frakon kaj vestas sin) Diable, malantaŭ la kulisoj estas mia edzino...Ŝi alvenis kaj atendas min tie,,,(Rigardas la horloĝon) Nia tempo pasis...Se ŝi demandos vin, mi petas, estu bonaj kaj diru al ŝi ke la prelego estis farita... Ke mostro,.. tio estas mi, kondutis sin dece. (Flanken rigardante tusas). Ŝi rigardas min flanken. (Plifortigante la voĉon). Enirante de la fakto ke la tabako entenas venenajn, pereigajn materiojn, pri kio mi jam parolis, neniokaze vi fumu, kaj mi permesas al mi la esperon , ke iamaniere, ĉi tiu mia prelego "Pri la malbonefiko de la fumado" estis utila.Mi diris kion mi havis. *Dixi et animam levavi!* (Dirante la spiriton mi malpeziĝis!)

# Tradukita historieto

# *Historio de la koro*

## Nuntempa amhistorio

Ŝi rigardis al mi. Mi rigardis ŝin. En ŝia rigardo, mi vidis ion kiel amon. Mi deziris iri antaŭen kaj diri al ŝi, ke ankaŭ mi amas ŝin. Ŝi ekridetis. Mia koro ektimis. Miaj piedoj sensensiĝis. Kiom ajn mi provis, mi ne povis moviĝi, kvazaŭ miaj piedoj ne sekvis la ordonojn de la cerbo.

Mi estis konsternita. Mi jam findecidis. Mi neniel deziris ripeti tion, kion mi ĉiam faris antaŭe. Mi diris al mi: "Kio ajn okazos, mi ekas; ŝi diros aŭ jes, aŭ ne, kaj tio pli bonos ol tiuj ĉi vanaj pripensadoj kaj fantaziadoj".

Mi apenaŭ estis antaŭenirinta du-tri paŝojn, kiam denove tiu ĉiama ĝenanto ekaperis; tiu, kiu kaŭzis ĉiujn miajn malfacilaĵojn. La trudema ĝenanto, kiel antaŭaj fojoj, kiam mi eksentis amon al iu, ekfrapis min por forgesigi al mi pri tio. Ĝi ĉiam lasis min en post-veoj kaj ho-veoj.

Denove la ĝenanto estis tie, kaj ĉi-foje pli insista ol ĉiam. Ĝi denove aldiris min: "Ĉu vi havas laboron? Monon, ...?"

Kiom ajn la knabino staris kaj rigardis al mi, la fiĝenanto, la senkompata konscienco, malhelpis min atingigi min al ŝi. Por kelkaj minutoj la samo daŭris kaj ni gapis unu al la alia. Fine la knabino et-ete malproksimiĝis de antaŭ miaj okuloj, kaj mi ankoraŭ estis luktanta kontraŭ mi mem.

Ankaŭ dum la postaj tagoj, dum ankoraŭ daŭris la fakultataj klasoj, mi vidis ŝin. Ho Dio! Kiom bela kaj aminda ŝi estis. Denove ŝi rigardis al mi, en la fakultataj tereno kaj salono, kaj mi ankoraŭ estis kaptita en la kaptilo de la ĝenanto.

Du-tri semajnoj pasis kun tiaj reciprokaj interrigardoj. Fine de ĉiu tago, dumnokte, kiam mi soliĝis, mi diris al mi, ke morgaŭ mi certe diros al ŝi, kiom mi amas ŝin…

Mi estis en tiaj pripensadoj, ke eke mi vidis scenon, kiun mi ne devus. La knabino preterpasis antaŭ miaj okuloj manenmane kun knabo. Kvazaŭ oni ekverŝis malvarmegan akvon sur min. Kvazaŭ la fakultata salono, kun ĉiuj ĝiaj muroj kaj pordoj disfalis sur mian kapon. Mi senmoviĝis mialoke, konsternita, kun ploremo ĉe la gorĝo.

La knabino subrigardis min kaj senlange komprenigis al mi, ke: "Longe mi atendis vin, sed vi ne venis". Ŝi pravis. Kion mi faru? Mia sorto estas tio. Laŭ poemo de Sanai:

"Se vi povas, vi neniam enamiĝu,
Por, ke sur la amovojo ne kaptiĝu."

Denove restis mi kun mia koro kaj la damnita konscienco. Ve kaj cent veoj senfruktaj!

"Erare estas, ke malriĉa infano enreviĝu
la branĉo, kio rompiĝis de hajlo, ne havis frukton."



**Fonto**:

AZIZNEĴAD ĤOJI, Jusof. *Gesseje del* (Historio de la koro), Hafez (Monata revuo pri beletro, esplorado, historio, kaj politiko): n-ro 17, junio 2005, 114 p., p. 98-99.

**Desegnaĵoj**:

www.rsquaredstudio.com/. ../love-flower.jpg

http://www.spiritonline.com/cards/love/heart.gif

Tradukis: Asad Mahbub

# La tema simileco en

# *Dekamerono* kaj *Nafahat-ol-ons*

*La Dekamerono (itale Il Decamerone, laŭlitere signifanta 'dek tagoj' aŭ 'dektagaĵo') estas unu el la elstaraj klasikaj litraturaĵoj de Italio, kiun verkis Ĝovani Bokaĉo (Giovanni Boccaccio) antaŭ pli ol 650 jaroj (inter 1349-1351) kaj laŭ multaj estas unu el grandiozaj libroj de la itala prozo.*

*Tiu ĉi libro konsistas el cent mallongaj rakontoj kaj la verkisto en ĉiu el ili provas trans-doni moralan mesaĝon al leganto. La delikata kaj sagaca ironio spicas la rakontojn, kio pli ĉarmigas la libron.*

## Falsa itala sanktulo

La unua rakonto de tiu ĉi kolekto nomiĝas "Genio de kristanismo" kaj temas pri riĉa kaj kredithava komercisto, kiu deviĝis akompani la fraton de franca reĝo al Toskanio, do, por la ricevo de siaj postulaĵoj dungis homojn, sed la dungitoj en Burgunio alfrontis malfacilaĵojn, ĉar la popolo de tiu urbo estis amaso da friponoj kaj fraŭduloj. La komercisto multe pripensis kaj fine elektis Ĉeperelo (Cepperello), la viro kiu neniam rifuzis krimi, murdi, adulti, sodomi, false ĵuri, moki sanktaĵojn kaj estigi obstinaĉon, hipokreton kaj venĝemon inter la homojn. Unuvorte Ĉeperelo estis la plej aĉa malvirtulo, kiu ĝis tiam ekzistis.



Ĉiukaze estis konsentite ke Ĉeperelo ekiri al Burgunio kaj ricevi la postulaĵon de la komercisto kaj elpreni ankaŭ rimarkindan procenton el ĝi kiel sian labor-pagon. Li ekiris al tiu regiono kaj laŭ la rekomendo de komercisto loĝis en domo de du fratoj florencaj, kiuj estis uzuristoj, sed Ĉeperelo, kiu jam estis maljuna, alveninte malsane enlitiĝis. La fratoj kiel gastigantoj laŭeble provis kuraci lin sed tio ne efikis, tiel ke la morto alproksimiĝis al li. Laŭ relegiaj fanatikecoj, lia morto pro lia troa miskredo sen ia konfeso ĉe la pastro en ilia hejmo eblus estigi seriozajn problemojn kontraŭ tiuj du fratoj, sekve, ili fariĝis maltrankvilaj. Ĉeperelo perceptis la aferon kaj diris al ili: "Mi relegiajn ritojn ekfaros, kondiĉe, ke vi alvoku al mi la plej sanktan pastron de la urbo". Du fratoj iris kaj alportis maljunan pastron, kiu havis ekster-ordinaran krediton inter la urbanoj pro pureco kaj senpekeco. La pastro komencis siajn demandojn cele konfes-preni por absolvi lin, sed trompista Ĉeperelo eĉ en la lastaj minutoj de sia vivo ne forlasis perfidon kaj tiom trompis la pastron, ke li konvinkiĝis, ke vere Ĉeperelo estas speciala Dia servanto. Do, fine de la konfesa ceremonio li diris al la agonianto: "Ĉeperelo, per Dia helpo vi baldaŭ resaniĝos, tamen se la Dia volo alvokus vian benoplenan kaj vojaĝ-pretan spiriton ĉe sin, ĉu vi akceptas via kadavro enteriĝi en nian relegian teritorion?"

Ĉeperelo, kiu dum la falsa konfesado mult-foje jam ploris kiel bolanta fonto, diris: «Via sankta moŝto, mi neniam volas enteriĝi ali-loke, ĉar mi ĉiam havas kaj havis specialan sinceron kaj kredon al via Dia vojo.

Post kelkaj horoj, Ĉeperelo forpasis. La pastro aŭdinte liajn konfesojn interparolis kun la monaĥeja plen-aĝulo. Poste ĉe la aro da ĉeestantaj relegiuloj, laŭ la atestoj kaj konfesaj rezultoj, li pruvis, ke tiu ĉi konfesinto estas jam sankta viro kaj espereble Dio pere de lia propeto realigos multajn miraklojn en tiu ĉi lando. Do li rekomendis al ili akcepti lian kadavron estimoplene en sian teritorion. Resume la kadavro de Ĉeperelo impone estis akompanata pere de popolo al la katedralo.

Ankoraŭfoje la maljuna pastro iris malantaŭ la tribunon kaj parolis pri la spirita vivo de sia konfesinto, pri liaj fastadoj, senpekeco, boneco, pura spirito kaj.... tiel, ke spirita konscienco de la popolo ekscitiĝis kaj ili preme puŝante unu la alian provis kiom eble pli rapide alproksimiĝi al la kadavro de benita viv-fininto karmemora, por kisi liajn piedojn kaj manojn. Poste ili deŝiris la tutan surtuton de li kiel sanktaĵon. Tiu, kiu, sukcesis akiri etparton, de ĝojo eksoris sep-ĉielojn!

Nokte ili estimoplene enterigis lian kadavron en marmoran tombon en la korto de la katedralo.

De la postaj tagoj, homoj grupe venis pilgrimi lin kaj dum respektado al li lumigis kandelojn kaj preĝis. Lia pieco kaj sankta famo tiomgrade altiĝis, ke li nomiĝis Sankt-Ĉeperelo.

Post kelke da tempo, homoj pretendis, ke Dio aperigis jam miraklojn je lia nomo kaj se ĉiu sincere postulus ion el tiu sanktulo, ne revenos malplen-mane.

Bokaĉo eldirante ĉi tiun rakonton, ne dubinte pri la homaj kredoj venas al interesa konkludo, t.e.: "Dio ne rigardas al nia nescio, neglekto kaj eraro, sed al nia sincera intenco eĉ se ni erare adoru malbon-farinton anstataŭ sanktulon kaj postulu de li esti la peranto de Dia favoro, riveliĝos al ni benoj de sanktula spirito, ĉar Dio estas tre donema kaj pardonos al ni nian nescion, kvazaŭ li serĉas pretekston favore ombrigi la kulpan kaj neglekeman servanton sub sia aŭspicio.

## Simila historio laû Nafahat-ol-ons far Ĝamio

Ĉiukaze nun ni lasu la italan literaturon por prezenti iun rakonton kun temo simila el la irana klasika literaturo.

Ŝejko Abd-ol-Rahman Ĝamio antaŭ 600 jaroj en la libro Nafahat-ol-ons diris:

Abu-Abdolah fama je Babve estis el Kurdoj. Iam li iris al lernejo en Ŝirazo kaj vidis la studentojn de teologio, kiuj estas okupataj en lernado kaj disputoj. Li diris: "Mi volas lerni ion el viaj sciencoj." Ili, kiuj trovis lin viro naiva, diris: "Se vi volas fariĝi sciencisto, ĉi-nokte pendigu vin per ŝnuro el la plafono de via domo kaj firme ligu vian piedon per tio kaj ĝis eble ripete diru : "Koz borah, osforah" por ke malfermiĝu al vi la pordoj de la scienco! Li ne sciis ke estas mokata kaj laŭ la sugesto iris kaj faris tion kun bon-intenco kaj sincera kredo. Li induktite ripetis tion dum ĉiuj noktoj, ĝis en unu mateno, la Dio sankta malfermis al lia koro pordojn de la scienco kaj diaj lumoj radiis en lian sinon. Li fariĝis kuratoro scianta, kiu kapablis respondi al ĉia demando kaj venkis super ĉiu malamiko kaj kontestanto.

Verkis : (s-ro) Ardavan Attarpur, aperinta en Hafez (persa monata revuo pri beletro, esplorado, historio, kaj politiko), n-ro 15, junio 2005.

Tradukis: (f-ino) M. Fahmi

por instigi al bonfaro donante bonpermesojn) kaj *enzar* (malinstigi de malbonfaro timigante kaj avertante), kio estigas parton de nia hodiaŭa alparola literaturo, estas la alia (moner-)flanko de la morala admonado de la antikva literaturo." (Moĥtari 1999, p. 162)

La speciala strukturo de la irana socio pro la regado de la socio super la homo, kaj ĝia hierarkia sistemo, kiu ekzistis dum la historio, kaŭzis ankaŭ tion, ke la saĝa kaj aŭtoritata persono mem sola admonu kaj eduku ĉefe celante la plibonigadon de la individuo (kaj ne de la socio). Tia ĉi maniero ekzistas ne nur en la skribaj verkoj de la persa literaturo, sed ankaŭ ekuziĝis en religio.

## Individuo individuon

Gravigi la individuon estas la bazo de la admona literaturo, kaj dum la historio poetoj kaj verkistoj klopodis plibonigi la homon individue. Unuflanke la efiko de la eksteraj faktoroj, kaj aliflanke altrudado de la injekta moralo, nuligas la efikon unu de la alia kaj kaŭzis diversan reagon. Tial, plibonigado de la individuo aparte de la socio neebliĝis. Eble samtial en la persa literaturo oni gravigis pri la moralo kaj malgraŭ ties abundo, ĝi ne tiel efikis. Aĥundzadeh, kiu rekoniĝis kiel la plej avangarda fondinto de la literatura kritikado, kritikante la moraleman literaturon en letero de Tefliso al Mirza Mohammad Ĝafar Motarĝem (tradukisto) en Tehrano en 15-a de Moharramo* de 1287 de la luna heĝira jaro skribis:





"Pravaĵo, kion oni skribas ne laŭ la kritikado sed kiel predikado kaj admonado kun amikeco kaj patreske, neniam efikos sur la homa naturo, kio jam alkutimiĝis al malbonfarado, ĉar la naturo de la homo ĉiam malamas legi kaj aŭdi predikojn kaj admonojn, tamen la naturoj avidas je legado de kritikoj. Laŭ la spertoj de Eŭropo kaj certaj atestaĵoj tio jam pruviĝis, ke nenio neniigas malmoralaĵojn kaj hontindaĵojn krom la kritikado, mokado kaj ridindigo. Se admonoj kaj predikoj efikus, *Golestan* (La Florejo) de ŝejko Sadio (1184-1281 p.K.), la dia favoro estu super li, kion dekomence ĝisfine konsistigas predikado kaj admonado … do kial irananoj dum sescent jaroj ne komprenis liajn predikojn kaj admonojn? Maljusto kaj perforto estas pliiĝantaj, ne malpliiĝantaj" (Aĥundzadeh, 1978, p. 206)

Ankaŭ Obejd Zakani, la satiristo de la oka jarcento lunheĝira, dediĉis sian verkon *Sad pand* (Cent admonoj) al ridindigado de admonado kaj konsilado, ĉar li ne tiel kredis je iliaj rezultoj.

## Edukado kaj valoroj

La edukadaj demandoj, moralo kaj valoroj ne estas apartaj de la sociaj, politikaj kaj ekonomiaj strukturoj de la socio kaj inter ili ekzistas reciprokaj rilatoj. La kriterioj por


CONFUCIUS









## Konfucea maksimo

# *La luno kaj la fingro*



### Kiam fingro aludas al la luno, la stultulo gapos al … la fingro.

Somere Tehrano nur nokte ĝueblas, ĉar la dumtaga varmo malplaĉigas ĉion belan kaj bonan. Tial, dum la tago oni nur por endaĵoj pretas eliĝi la domojn. Sed nokte ĉiuj ŝatas eliri la domojn, kiuj estas ŝargitaj per la varmo de la sunlumo, kaj ĝui la malvarmetan veteron eksteran.

Tiun nokton, ni estis promenantaj en bela parko post agrabla noktmanĝo. Ĉiu diris ion iurilate. Rigardante la inspiran belan plenlunon, mi ekrememoris pri profunda maksimo de Konfuceo (551-479 a.K.), kaj eldiris ĝin: "Kiam fingro aludas al la luno, la stultulo gapos al … la fingro". Dum la aliaj kapkonfirmante, pridigestis la frazon, Ara, 21-jaraĝa nevino de mi, ekridinte, provis pretigi sin por rakonti ion.

Mirinte ŝian ekridadon, mi demandis ŝin pri la ridkialo, kaj ŝi fine povis ekmastri la ridon kaj malkaŝi: "Foje Armin diris tre 'profundan' frazon prifingran". Tiam, ankaŭ Armin, 12-jara frato de ŝi, ekridis scivoleme kaj diven-miene. Mi demandis "Pri kio temas?" Ara daŭrigis: "Foje li ekdiris: 'Ara! La montrofingro de mia dekstra piedo tiel jukas al mi!" Nun estis vico de mi kaj mia filino aliĝi al la ridantoj. "Montrofingro de piedo"!

Certe eĉ nestultuloj gapus al onies fingro, se oni aludus al la luno (aŭ al kio ajn alia) per la pieda montrfingro!?

**Bildoj**:

http://www.pa.msu.edu/people/frenchj/moon/moon-19day-2831.jpg

www.ironorchid.com/ clipart/persons/Confucius.htm

http://www.asiapacbooks.com/kids/kidscorner/Downld_pix/Confucius%202.jpg

www.geledraak.nl/filosofie/ confucianisme.html

http://www.asiapacbooks.com/kids/kidscorner/Downld_pix/Confucius%203.jpg

**Far: Asad Mahbub**

Soci-patologia rigardo al la irana literaturo

# Morala Menso kaj Admona Kulturo

Unua parto

Verkis: Ruhangiz Karaĉi

*Kvankam precipe dum la lastaj jardekoj multaj perloj de la irana literaturo tiel populariĝis/as tra la mondo – kiel jam okazis pri Rumi en Eŭropo kaj Usono – irananoj mem emas esplori sian kulturan heredaĵon ankaŭ soci-patologie. En tiu ĉi artikolo Ruhangiz Karaĉi serĉas radikojn de la muntempaj sociaj problemoj en la antikvaj literaturaĵoj de Irano kaj ties reganta atmosfero. Ĉu temas pri alia ekz-o por "malbono kaŭzis bonon"? Aŭ inverse?*

*La Red.*

## Retrospektivo

Retrorigardante la antikvan kulturon de Irano, oni povas konstati la emon al admonema literaturo en sistemoj de kondutado, pensado kaj valorigado de la socio, kaj oni povas trovi ties aperon en la kulturan strukturon de irana socio pere de moralemaj literaturo kaj admonlibroj.

Esplorante la kvanton de la moralaj kaj admonaj verkoj, estas rimarkindaj faktoroj kiel politika strukturo de la socio kaj altrudado de la gentaj kaj rasaj tradicioj kaj kredo al daŭrigado de la tradicioj, kiuj estis efikaj dum la historio de la persa literaturo.

## Historio de Admona Verkado

Komenciĝo de tia verkado devenas de antikvaj tempoj, kaj ties ekzemploj ekzistas en Avesto, kiel en 53-a Jasno, kiu entenas admonojn de Zoroastro al liaj filino Puroĉista kaj bofilo Ĝamasb, la saĝulo (Abolgasemi 2001, Ĝafari 1992). Inter la beletraj heredaĵoj de Irano ne malmultas la restintaj admonlibroj en la mezpersa lingvo, kiuj entenas moralajn mesaĝojn kaj religiajn dekretojn celitaj por plibonigado de la homaj kondutoj kaj ecoj, ekz-e: *Dinkart*, *Ŝajesto na-ŝajest*, *Jadegare bozorg-mehr*, .... En la listo de persaj manuskriptoj oni menciis 2956 librojn, kiuj krom beletraj valoroj enhavas moralajn skribaĵojn, i.a. oni povas nomi abundajn saĝlibrojn kaj admonlibrojn. Charles Henry de Fuche Core, franca esploristo, kiu plenumis detalan esploron sub la titolo Moralia, por pruvi la ekziston de la morala tradicio en la persa literaturo de la 9-a ĝis 13-a jarcento, en plejmulto de la persaj tekstoj trovis moralajn temojn, pensojn kaj admonojn. Li tiel rezultis, ke la ekzisto de tiaj komunaj moralaj temoj estas la reago de la homo kontraŭ la eksteraj faktoroj kiel la tempo kaj mondo, aŭ la moralaj altrudaĵoj de la socio (Charles Henry de Fuche Core 1998, p.607). En sia esplorverko, li nomis 21 admonlibrojn kaj 89 moralajn kaj admonajn tekstojn. Karmemora Mohammad Moĥtari skribis:

"Principe en socio, kiu jam atingis al intelekta sistenado tra la leĝo kaj socia edukado, oni ne devas bezoni tiom multe da admonaj literaturaĵoj." (Moĥtari 1998, p. 85)

## Tion faru kaj tion ne faru!

Duonon de la persa literaturo konsistigas "tion faru kaj tion ne faru!", kaj la admonanto-verkisto kvazaŭ estas "ĉion-scia". Laŭ Moĥtari la kialo por tio, kuŝas en la diktatura strukturo de nia kulturo; li skribis:

"Diktatoreca lingva(ĵo) trovas siajn radikojn en la diktatura kulturo. Patriarka kaj andriarka* (edzorega) lingvo ne povas ne uzi "tion faru kaj tion ne faru!", ne povas ne minaci, ne povas ne timigi, ne puni, ne malhumiligi. *Tabŝir* (araba termino islama

aprezado de la valoroj ŝanĝiĝas laŭ la loko kaj tempo, kaj ĉar la valoroj dependas de moralaj aliroj kaj sintenoj de la homo, kaj ŝanĝiĝas laŭ faktoroj kiel politiko kaj kulturo de la socio, do ili estas aliiĝemaj kaj ŝanĝiĝemaj. Aliiĝoj de la homaj sintenoj kaŭzas multajn ŝanĝojn en la valoroj. Ĉar la moralaj valoroj dependas de la homaj kondutoj kaj internaj statoj kaj diversaj tempaj kaj lokaj faktoroj, tial ili estas ŝanĝeblaj kaj aliiĝeblaj. La personeco kaj karakterizaĵoj de la homoj dependas de valoroj, al kiuj ili kredas kaj laŭ kiuj ili agas. La sana kaj direkta rilatado, kio ekzistas inter la moralo kaj kulturo de la socio – kaj kio estas la produkto de pensemuloj, kiuj sentas sin respondecaj pri la plibonigado de la socio kaj la sorto de la homaro – iam estas tiel forta, ke ĝi kapablas aliigi direkton de la socia antaŭenirado, kaj povas estigi idealan pens-terenon en la socio. Kvankam la kulturaj kleruloj de la socio ĉiam angoras pri la morala disfalo, neniam la moralo tute neniiĝis en socio kaj (nur) ties formo kaj specoj ekspertis aliiĝojn kaj pasigis la krizajn etapojn (sukcese). La ĉefa karakterizaĵo de moralo estas ĝia aliiĝado, kiu laŭ la sociologiaj starpunktoj, okazas pli per avangardoj kaj pensuloj de la socio, kaj la dinamiko de la moralo forte difinas la samdirekteco (harmonio) inter la individuaj kaj grupaj kriterioj en la historia kondiĉaro. La morala ecaro de ĉiu erao apartenas al ties tempo, kaj laŭ la verko de Aĥundzade:

"Jam forpasis la tempo de (pensa regado de) Sadio kaj Molla Mohammad Rafi Vaez Gazvini. La nuna erao estas alia erao" (Aĥundzade 1978, p. 10)

Se Sadio dediĉis la kvaran ĉapitron de sia verko *Golestan* (La Florejo) al *Favajede ĥamuŝi* (La utiloj de silentado), nun la interesoj de la individuo ne estas apartaj de tiuj de la socio, kaj la konscienco de la individuo devas samdirektiĝi (harmoniiĝi) kun tiu de la socio. Tiu ĉi-rilate Talebof skribis:

"Kaj oni propagande instigas popolojn al postulado de persona profito kaj instruas ilin malmulte paroli kaj nur paroli por sia intereso/profito, sed la logiko de tiu ĉi robaio ne estas konvena al postulaĵoj de nia-eraa civilizacio, kaj tiaj admonoj validis tiam, kiam se iu laŭparolis alies profiton, oni senkapigis tiun, kaj la mondo kaj tuto de ĝiaj eroj (nur) apartenis al perfortulo; sed nun nia tasko estas diri multe, kaj paroli laŭ la profitoj de aliaj, ne niaj" (Talebof 1977, p.30)

**Piednotoj:**


ABOL-GASEMI, Mohsen. *Jasne panĝaho sevvom* (53-a Jasno), Farhang, vol. 14, n-ro 1 kaj 2, printempo kaj somero de 2001, p.1

AĤUNDZADE, Fath-ali. *Alefbaje ĝadid va maktubat* (Nova alfabeto kaj skribaĵoj), Hamid Mohammad-zade (red.), Tabrizo: Naŝre ehja, 1978.

FUCHE CORE, Charles de Henry. *Aĥlagijjat* (Moralaĵoj, Moralia), trad. persen M. A. Amir-Moezzi kaj A. Ruh-baĥŝan, Tehrano, Markaze naŝre daneŝgahi, 1998.

ĜAFARI, Mahmud. *Adabijjate andarzi dar motune farsije mijane* (Admona literaturo en la tekstoj de la mez-persa), Ĉista, vol. 9, n-ro 8, 1992, p.868.

MOĤTARI, Mohammad. *Tamrine modara* (Praktikado de tolerado), Tehrano: Vistar, 1998 (2-a eld.).

MOĤTARI, Mohammad. *Ĉaŝme morakkab* (Kunmetita okulo/Okulo de inko) Noŭ-andiŝi az negahe ŝe're moaser (Novpensado laŭ la nuntempa poezio), Tehrano: Tus, 1999.

TALEBOF, Abd-ol-rahim ebne Abutaleb Naĝĝar Tabrizi. *Masalek-ol-mohsenin* (Principoj de bonuloj), kun enkonduko de Bager Momeni, Tehrano: Ŝabgir, 1977.


**Fonto:**


KARAĈI, Ruhangiz. *Zehnijjate Aĥlagi va Farhange Andarzi* (Morala Menso kaj Admona Kulturo), Zanan (Virinoj), 13a vol. Bahman 1383 (Jan. 2005), 112 p., p.62-5.


Tradukis: Ŝima Bastani

Historio / تاریخ

# Testamento de Darjuŝo

Darjuŝo (Dario) estis unu el la plej famaj ŝahoj de la persa dinastio haĥamaneŝidoj (aĥemenidoj). Jene ni legas tradukon de lia testamento.

Nun, kiam mi forlasas la mondon, 25 landoj estas inter la persa ŝah-lando kaj en ili cirkulas persa mono kaj persoj estas respektataj en tiuj landoj kaj ankaŭ la popoloj de ili estas respektataj en Persio. Mia anstataŭonto Ĥaŝajaro devas kiel mi protekti tiujn ĉi landojn kaj la reg-maniero konsistas el ne interveni en iliajn internajn aferojn kaj estimi iliajn relegiojn kaj ritojn.



Nun, kiam mi forlasas la mondon, vi havas 12 Kururojn (6 milionojn) da oraĵoj en la reĝan trezoron kaj tiu oro estas unu el viaj fort-kolonoj, ĉar la reĝa potenco ne dependas nur al glavo, sed ankaŭ al riĉaĵoj. Kompreneble vi memoru aldoni al tio kaj ne malpliigi ĝin. Mi ne diras ke vi ne deprenu el tio en urĝaj tempoj, sed laŭeble en la unua okazo vi returnu, kion vi jam prenis. Via patrino Atosa havas rajton sur min, do, ĉiam kontentige zorgu ŝin.

Dum dek jaroj mi estis okupata en konstruado de siloj en diversaj lokoj de la lando, kiuj estas cilindr-formaj el ŝtono kaj ties teknikon mi lernis en Egiptio kaj ĉar la siloj ade malpleniĝas, insektoj ne ekestas en ili kaj greno kelk-jare sen putriĝo restas kaj vi devas post mi daŭrigi ties konstruojn, por ke ĉiam por du-tri jaroj ekzistu nutraĵ-rezervo kaj ĉiujare post la akiro de la nova greno, vi uzu la restinton por garantii la deficiton de la manĝaĵoj kaj post la forigo de la sila odoro translokigu la novan, tiam vi neniam estos maltrankvila pri la rezervaĵo se okazos du-tri sinsekvaj sekecaj jaroj.

Neniam nomumu viajn amikon kaj kunulon en la landaj postenoj. Por ili sufiĉas via amikeco, ĉar se vi tion farus kaj ili estus kruelaj kontraŭ popolo kaj misuzus la leĝon, pro amikeco vi ne povos puni ilin.

La akvo-vojo, kiun mi volis fondi inter Nil-rivero kaj Ruĝa maro, ankoraŭ ne estas finita kaj ties finiĝo gravas komerce kaj milite kaj vi devas fini ĝin. La trans-ira imposto de la ŝipoj ne devas esti tiom alta, ke la ŝipestroj preferus ne uzi tiun vojon.

Nun mi sendis armeon al Egiptio por estigi ordon kaj sekurecon en tiu teritorio sed mi ne trovis okazon sendi armeon al Grekio kaj vi faru tion. Vi kun forta armeo ataku Grekion kaj sciigu al ili, ke la persa reĝo kapablas puni la krimulojn.

Mia alia rekomendo estas, ke neniam enlasu



Dio Protektu tiun ĉi landon de malamikoj, de malsatego, de mensogo

mensogulojn kaj flatulojn al vi, ĉar ĉiuj du estas plago kontraŭ la monarkio, do, senkompate forigu ilin. Neniam super-regigu al popolo la juĝistojn. Pri la imposto mi leĝ-faris por malpliigi ilian kontakton kun la popolo kaj se vi gardus tiun leĝon, la ŝtatistoj malmulte tuŝos la popolon.

Vi kontentigu la oficirojn kaj soldatojn kaj ne ilin traktu malbone, alie, se ili ne kapablus reciproki, en milit-areno ili faros tion eĉ je siaj viv-prezoj. Ilia reciprokado estas facila cediĝo por malvenkigi vin.

La instruadon, kiun mi komencis vi daŭrigu kaj lasu viaj regatoj povu legi kaj skribi por ke iliaj komprenoj kaj saĝoj pliiĝu, tiam vi regos ilin kun pli da certeco. Ĉiam patronu la fidon de Jazdan adorado (Dia adorado), sed neniun genton devigu sekvi vian religion kaj ĉiam memoru, ke ĉiu devas esti libera en sekvado de sia dezirata religio.

Kiam mi forlasis la vivon , lavu mian korpon kaj envolvu min en mortotukon, kiun mi mem havigis al mi kaj metu min en ŝtonan ĉerkon kaj lasu min en maŭzoleon, sed mian maŭzoleon vi ne ŝtopu, por ke vi povu ĉiam eniri en ĝin kaj vidi mian ŝtonan ĉerkon kaj kompreni, ke via patro la potenca reĝo post la regado super 25 landoj fine mortis, la popolo kaj ankaŭ vi mortos kiel mi, ĉar la homa destino estas morto, ĉu esti reĝo de 25 landoj, ĉu esti unu dorn-elradikigisto. Neniu restos en tiu ĉi mondo. Se vi trovus okazon eniri en mian maŭzoleon kaj vidus la ĉerkon, vin ne regos fiero kaj egoismo. Sed kiam vi vidas la alproksimiĝon de la morto, diru ke oni ŝtopu mian maŭzoleon kaj testamentu, ke via filo lasu vian maŭzoleon malfermata por vidi vian ĉerkon.

Zorgu, zorgu, neniam esti kaj plendanto kaj juĝisto, se vi plendas iun, konsentu ke iu senpartia juĝisto pritrakti kaj verdikti la aferon, ĉar tiu, kiu plendas, kaj samtempe estas juĝisto, la aferon pritraktos maljuste.



Neniam forlasu la konstruadon, se ne, via lando iom post iom detruiĝos, ĉar la regulo estas tio, ke kiam la lando ne pli boniĝas, alproksimiĝas al detruado. En konstruado donu la unuan vicon al elfosado de kanato (sub-tera akvo-dukto) kaj fondo de la vojoj kaj urbanismo.

Pardonadon kaj malavarecon ne forgesu kaj sciu, ke post la justeco la plej elstara eco de la reĝoj estas pardonemo kaj malavareco. Kiam oni faris maljustaĵon al vi, pardonu, sed kiam oni faris maljustajon al alia, se vi onin pardonus, vi faras maljustecon, ĉar tiel vi tretas la rajton de aliulo.

Plu mi nenion diras. Mi faris ĉi tiujn esprimojn, kiam krom vi alestis aliaj, por ke oni sciu, mi faris ĉi tiujn rekomendojn antaŭ la morto. Nun vi iru kaj lasu min sola, ĉar mi sentas ke mia morto alproksimiĝas.

*Elprenita de **Hafez** (persa monata revuo pri beletro, esplorado, historio, kaj politiko), n-ro 14, junio 2005.*

Esperantigis: (f-ino) **M. Fahmi**



Jarmilaj tombejoj de persaj reĝoj sine de ŝtonaj montoj en Fars-provinco sude de Irano

# IREA – informilo

## N-ro 3, 1 junio 2005

Ĉi-jare 12-a gazetar-festivalo kune kun internacia libro-festivalo okazis en Tehrano (4a - 13a majo 2005) pli kontentige por IREA. Ni disdonis pli ol 6000 informilojn al la publiko pri E-o kaj nia asocio, samtempe prezentis la revuon "Irana Esperantisto" kiu estis tre interesa al tiuj, kiuj informiĝis pri apero de tia dulingva (persa–E-a) revuo en Irano. Niaj alparolatoj estis multaj. Ankaŭ honorigis la budon nia IREA-prezidanto inĝ. Mamduhi kaj lia aktiva filino Niku, kiu tre helpis respondi al vizitantoj. Kaj rezulto estis pli da entuziasmuloj, kiuj vizitis E-ajn ttt-paĝojn de la socio kaj ankaŭ partoprenis en la kursoj por lerni la movadan lingvon. Siajn tempojn dediĉis ankaŭ la respondeculino de IREJO f-ino Lumina Ebrahimpur kaj ĝenerala sekretariino de IREA Simin Emrani. Partoprenis la ĉefredaktoro de la revuo "Irana E-isto" s-ro M.R. Torabi respondante diversaspekte la scivolemojn de la publiko.



Alia programo de Irana Esperantista Junulara Organizo (IREJO): la 19an de majo en la fakultato de la eksterlandaj lingvoj de Azad- Universitato de Rudehen (proksime de Tehrano) estis aranĝita seminario pri E-o. F-ino Saje Solejmani IREJO-anino kaj studentino de la angla lingvo, kiu partoprenas en E-kursoj en IREA-oficejo iniciatis por okazigi la kunsidon. Pli ol 200 gestudentoj kaj profesoroj ĉeestis la seminarion, dum kiu inĝ. Mamduhi, d-ino Ahmadnia kaj s-ro Doŭlatŝahi paroladis. La tempo ne estis sufiĉa tamen la estro de fakultato esprimis sian kontenton pri la seminario. Laŭ la lastaj ricevitaj novaĵoj, leviĝis interesoj por okazigi E-an kurson en la menciita fakultato.



Ekskurso ĉiam estas el tre ŝatindaj programoj kio diversforme, aŭ vojaĝi al aliaj urboj aŭ montgrimpado, eĉ pasigi tendarajn tagojn en la naturo; dum tiam esperantistoj klopodas praktiki parolpovon.



En la printempo 20a de Majo la unutaga ekskurso al Kaŝan-urbo kaj viziti rozakvan distilad-ceremonion. Irana rozoakvo estas fama en la mondo. Gamsar kaj Niasar en Kaŝan estas ties centro. La alia estis 4-taga tendumado en arbaro en Manĝil (unu el nordaj urboj de Irano), kio okazis inter 2a – 5a de Junio.

# REAGOJ

...

Maloftas E-revuoj, kiuj ne klopodus ja traduke prezenti al la leganto almenaŭ specimenojn de sialanda literaturo. Ne aliel estas, se temas pri "Irana Esperantisto", kies printempa numero jus atingis nian redakcion. Jen ni trovas specimene poezitradukojn, jen diversĝenran prozon, jen parolado-fragmentojn de persaj saĝuloj kaj mistikuloj, kiuj ebligas al la leganto mergiĝi en la riĉon de la tute aparta kultura regiono, sperti tion, kion signifas la tradukarto kiel la transpontanto de malsamaj kulturoj. Koncerne ĉiujn ĉi tradukojn el la "Irana Esperantisto" mi ŝatus rekte citi la opinion de la menciita jam bulgara tradukisto: "..per la tradukoj de la grandaj – sed ankaŭ de ne tiom grandaj – literaturaj verkoj efektiviĝas granda parto de la osmozo inter la diversaj naciaj kulturoj".

Tamen la printempa – la novjara laŭ la valida en Irano kalendaro - numero de la "kultura sezon-revuo en la persa kaj Esperanto" ebligas konatiĝi ne nur kun la riĉo de la persa literaturo, filozofia penso. Ni ankaŭ pere de pluraj artikoloj – tradukaj aŭ aŭtoraj ekscias ĉe la fonto - por tiel diri - pri la socia realo en tiu ĉi lando kaj la mondparto jen per rememoroj de afganaj rifuĝintaj infanoj en Irano, jen eksciante pri la rolo de la internaciaj organizoj en Afganio. Tamen la plej korskuaj estas tiuj, kiuj estas dediĉitaj al la virinoj. Kaj evidente ilia sorto – kiel sekvas el du apudaj artikoloj diametre estas malsama en Afganlando kaj en Irano. Dum la unua, te. afgana estas kiel reliefigas la titolo "la plej mallibera virino en la mondo", la alia en Irano havas la eblon partopreni en la soci-ekonomia vivo. Kompreneble ilia sorto ankoraŭ multe diferencas disde la situacio de virinoj en la eŭropaj landoj – sufiĉas nur mencii iun statistikajon, ke en la 1997 jaro nur 5,2 procentoj da virinoj troviĝis en la parlamento dum viroj preskaŭ 95-procente – kvankam tiu ĉi kampe - kiel ni legas - oni notas konstantajn progresojn. Apartan alrigardon al la virina pozicio en Irano donas la rememoroj de Tereza Kapista el Serbio – ĉar kvankam ŝi evidente koncentriĝas en sia artikolo pri sia laboro tie kadre de UEA-programo "Lingvo de la paco" – ja la bildo de kleriĝemaj iranaj kaj afganaj junulinoj kaj virinoj estas tre klara. Cetere menciindas, ke pluraj tradukoj kaj artikoloj en la revuo devenas el sub la plumo de iranaj esperantistinoj. Kompreneble en la irana movado ne mankas viroj kaj ĝuste la priparolata numero proksimigas al ni la elstaran figuron de Aref Azari – honora membro de UEA, edukanto de multaj gesamideanoj kaj aŭtoro de fama esperanto-persa-esperanto vortaroj.

.....

Barbara PIETRZAK el pola radio
http://www.radio.com.pl/polonia/article.asp?tId=11437

Karaj samideanoj,

Mi kun ĝuo legis la esperantan duonon de via n-ro 8. Gratulon!

Mi ankaŭ havis okazon montri kelkajn n-rojn de Sabzandiŝan al irandevenaj konatoj ĉi tie en Usono, kaj tio tre interesis ilin. El tri en la familio, nur unu antaŭe aŭdis pri Esperanto en Irano.

...

Joel Brozovsky
Oficeja Direktoro de Esperanto-Ligo por Norda Ameriko
www.esperanto-usa.org



## Perantoj de *IRANA ESPERANTISTO*

BELGIO:
FEL, Frankrijklei 140, B-2000 Antwerpen
POLLANDO:
Stanislaw Ŝmigielski, Ul. Krasickiego 12/6
PL-47-206 Kedzierzyn-Kozle
USONO:
Joel Brozovsky
Esperanto-Ligo por Norda Ameriko
5712 Hollis St, Emeryville CA 94608-2514,
Usono aŭ PO Box 1129, El Cerrito CA 94530,
Usono , tel: +1 510 653 0998,
retadreso: elna@esperanto-usa.org,
ttt-ejo: http://www.esperanto-usa.org
TUTMONDE:
UEA, Nieuwe Binnenweg 176, NL-3015 BJ Rotterdam, Nederlando

Perantoj estas bonvenaj el aliaj landoj!